VIIa jaro. No 94 ★ Duonmonata ★ 5 Février 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. ») 
Luksa eldono . . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
HECTOR HODLER

**REKLAMO**

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) 0,20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 0,15 Sd.
Korespondado (1 enskribo) . . 0,20 Sd.
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# FAKAJ ORGANIZAĴOJ

La danĝero de la tromultaj gazetoj pri kiu ni diversfoje parolis, estas nur aspekto de pli ĝenerala danĝero, nome dispecigo de fortoj kaj energioj anstataŭ kunigo-anarkio anstataŭ harmonio. Ĝi estas konstatebla ankaŭ pri la organizajoj. Ŝajnas, ke multaj Esperantistoj ne ankoraŭ vidinte la venkon de Esperanto kaj ne konsciante, ke ĝi estos io longa kaj malfacila, kiel ĉio daŭronta, senpacienciĝas : « La afero ne iras tiamaniere. Mankas tia aŭ alia societo. Ni do fondu ĝin. Tre certe nia movado poste pli rapide progresos ». Kaj la mankantan (?) societon ili fondas. Tio ne estas malfacila. Alvoko en gazetoj, kelkaj leteroj al konataj Esperantistoj, ellaborado de regularo, fiksado de kotizajo, elekto de komitato, jen nova societo fondita. Kaj poste ?... Poste, okazas, ke ĉar oni ne multe pripensis antaŭe, oni faras nenion. La samaj malfacilajoj, kiuj atingis jam ekzistantajn societojn, prezentiĝas : manko de monrimedoj, inercio, praktika laboro plenumata de la ĉiam sama persono.

La societon, kiu devis revolucii nian movadon, kaptas letargio. Baldaŭ ĝi ekzistas nur sur la jarlibroj kaj, efemere, dum la kongrestagoj. Kial ĉio tio ? Ĉu la gvidantoj estis mallertaj ? Ne speciale. Ĉu la organizo estis malbona ? Ne, ĝi estis laŭ la modelo de multaj societoj kaj cetere ne la regularoj estas la ĉefa afero. Sed ĉio tio ĉar la bezono ne estis sufiĉe grava por vivigi la diritan organizajon kaj aliparte tiu organizajo ne estis sufiĉe forta por krei novajn bezonojn kaj per tio pravigi sian ekziston.

Ni aludas ne tiom pri la lokaj, kiom pri la fakaj organizajoj. Por lokaj organizajoj tio estas ne tre grava. Tro ofte personaj demandoj estas la kaŭzo por fondo de novaj grupoj kaj societoj, sed iafoje novaj estas necesaj ĉar dormas la malnovaj aŭ ĉar ili estas ne plibonigeblaj. Pri la fakaj organizajoj, tio estas pli grava, ĉar eraraj paŝoj malutilas al speco de organizajoj, kiun atendas granda estonteco.

Oni memoras, ke tiuj societoj komencis kreiĝi ĉe la Ĝeneva Kongreso. En Cambridge, tre multaj fakaj kunvenoj okazis, kiuj naskis societojn. La plimulto el ili mortis kun la fino de la kongreso por reviviĝi ĉe la venonta kaj... same remorti. La valoron de societo oni povas mezuri laŭ ĝia agado. Tiu ĉi kriterio kondamnas multajn estintajn fakajn societojn, krom kelkaj honorindaj esceptoj.

Estas de ĉi tio pluraj kaŭzoj.

La unua estas, ke tre ofte la nombro de samfakanoj, kiujn oni celas kunigi estas tro malgranda. La kunekzisto de tridek personoj de la sama profesio en Esperantujo ne sufiĉas por pravigi la fondon de nova societo. Se tiuj personoj deziras interrilati ili tion povas facile fari sen societo. Sama eraro estas fondi gazetojn fakajn — devige seninteresajn — por kelkaj dekoj da personoj. La sistemo de la rondirantaj kajeroj permesas multe pli fruktodonan interkomunikadon.

La dua kaŭzo estas manko de agadplano. La fondantoj de societo devus kompreni, ke ili havas respondecon. Senpripense fondi societon dum agrabla kongrestago signifas nenion, se oni ne klare difinas al si planon de laboro. Sufiĉas ĉeesti fakajn kunvenojn de la lastaj kongresoj por konstati, ke oni tie malvolvis multajn ideojn, sed malmulte decidis.

La tria kaŭzo la ĉefa, estas, ke tiuj societoj plejparte estas pure propagandaj. Anstataŭ propagandi Esperanton en iu loko, oni ĝin propagandas internacie en iu profesio, kio cetere estas pli malfacila. Nu, taŭgas ĝin ripetadi, la pura propagando kondukas al nenio. La sola efika propagando estas tiu, kiu rezultas el la uzado, estas intime kunligata kun ĝi. Se la fakaj organizajoj volas havi utilan rolon kaj certan ekziston, ili devas fari servojn al siaj membroj. Tiam, konstatinte, ke ilia societo utilas al ili, la membroj restos al ĝi kaj kun pli bonaj armiloj povas varbi novajn anojn. La fakaj societoj, kiuj prosperas, ŝuldas tion al la fakto, ke ili uzis Esperanton por sia propra utilo anstataŭ ĝin nur propagandi.

Faka societo estas utila nur se ĝi faras servojn al siaj membroj, sed por fari servojn ĝi devas esti bone organizata; ĝi devas havi taŭgajn laborantojn, oficejon, pretajn kadrojn, en kiuj ekzerciĝos ĝia agado, do multe da postuloj por societoj ne havantaj milojn da membroj. Plie, se la servoj estas malsamaj laŭ sia celo, ĉu ilia organizo ne estas plimalpli sama, aŭ alivorte, por eviti perdon de energioj, malŝparon de fortoj, ĉu ne estus eble organizi kunlaboradon inter la fakaj societoj ?

Tion ebligas U. E. A. En multaj rilatoj ĝi aperas kiel *fakara* societo. Ĝi prezentas fundamentan organizon taŭgan por pluraj faksocietoj. El tio sekvas simpligo de administrado, do ŝparo de tempo kaj mono. Sama faciligo por la uzanto de la servoj. Sama homo ne bezonas ĉiam la samajn servojn. Komercisto povas bezoni servojn kiel turisto aŭ uzi la servojn de la junula fako por siaj filoj. Se ekzistus pluraj memstaraj fakoj societoj unu por komerco, unu por turismo, unu por junuloj, li estus devigata aliĝi la tri societojn, pagi tri kotizajojn, partopreni en la vivado de tri malsamaj organismoj. Kontraŭe, interne de U. E. A. sama persono, per unika kotizajo, havas la eblecon uzi plurfakajn servojn. Same en urbo aŭ en ŝtato : oni pagas impostojn ne nur por la servoj, persone uzataj, sed por tiuj ĝeneralaj servoj, kiujn ĉiu homo havas la eblecon uzi en la daŭro de sia vivo.

En la nuna stato U. E. A. anstataŭas societon internacian de komercistoj, al kiuj ĝi liveras servojn per siaj komercaj konsuloj, societon de turistoj, societon de junuloj, k. t. p. dank'al siaj diversfakaj konsuloj. Por kio nun ekzemple utilus memstara societo de komercistoj ? Se ĝi estas pure propaganda, ĝia efiko estos tial same senfrukta kiel estis la agado de la propagandaj faksocietoj. Se ĝi organizas servojn, ĝi havos saman rolon kiel la komerca fako de U. E. A. kaj retroviĝos antaŭ la samaj malfacilajoj kaj samaj problemoj, kies solvon ankoraŭ plimalfaciligos la vola-nevola konkurenco rezultonta el dueco de samspecaj organizajoj. Ŝajnas do pli profite, ke anstataŭ fondi specialan societon, la komerciŝtoj uzu la komercan fakon de U. E. A. ; same pri aliaj fakaj celoj, kiujn oni estonte povos enkorpigi en U.E.A., ĉar ĉiuj diversaj servoj organizeblaj estas nur malsamaj aspektoj de la sama Esperantia celado : plifaciligo de la interhomaj rilatoj.

Oni eble respondos al ni ; « Teorie tio estas ĝusta, sed praktike U. E. A. ne povas ĉion fari ». Tio estus grava malkompreno. Ni ne deziras mem fari aŭ konduki, sed ni esprimas la deziron ke oni kunlaboru kun U. E. A. anstataŭ fondi novajn entreprenojn, subtenu tion, kio ekzistas, ĝin plibonigu per la uzado, evitu senutilajn klopodojn, donu al utila agado tion, kio tro ofte estas dediĉata al simpla administrado kaj al organiza laboro jam farita.

Se niaj revoj iam realiĝas, ni deziras vidi en U. E. A. utilan organizajon, kies retaro etendiĝos ne nur super la diversaj lokoj de la terglobo, sed ankaŭ super la diversaj fakaj kampoj de la homa agemeco, ĉar pli kaj pli la laŭfaka grupiĝo sin trudas flanke de la malnova laŭloka grupiĝo.

Tiaj demandoj estas pli gravaj ol ili ŝajnas al kelkaj, ĉar — ĉu estas superflue ĝin rediri — la progresoj de Esperantismo estos ŝuldataj ne al tiu fakto ke la derivado de Esperanto estas renversebla, aŭ ne, sed al tio,ke ni estos kiel eble plej trafe organizataj por utila kaj harmonia agado. Ju pli da laborkapabloj bone direktitaj, des pli da tagoj gajnitaj.

H. HODLER.

---

# Liberaj Vortoj

## TRO DA GAZETOJ

Kiam ni skribis la artikolon « Al nia legantaro », aperintan en Nº 90 de *Esperanto*, ni ne suspektis, ke ni ricevos tiel multe da aproboj. Estas ĝenerala krio « Vi estas prava. Ekzistas tro multe da gazetoj ! La kvarono, la dekono sufiĉus ! » La plej bona pruvo, ke ni estas pravaj, estas la apogo de l'fakto. De tiu tempo unu gazeto anoncas, ke ĝi ĉesas aperi pro nesufiĉo da abonantoj, alia plendas, ke ĝi devos ĉesi ĉar mankas al ĝi trioblo da abonantoj ol ĝi nun havas, tria nin informas, ke anstataŭ eliri monate ĝi aperos dumonate pro la sama prezo. Ni ne parolas pri la « monataj » gazetoj, kiuj aperas du aŭ tri monate kaj pri tiuj, kiuj mortas ne avertinte nin.

El niaj korespondantoj, kelkaj skribas : « Vi estas prava, sed oni ne devas tion laŭte diri, ĉar ĝi ĝojigas niajn malamikojn » aŭ « tio estas komuna fakto, kontraŭ kiu oni povas nenion ». Ni ne povas konsenti kun tiuj rimarkoj. Movado, kiu ne povas akcepti la kritikojn de siaj propraj anoj, pruvas per tio sian malfortecon. Sama estas la homo, kiu timas rigardi en sin mem, ĉar li povus vidi aferojn malagrablajn kaj pripensigajn... Do, por ne « ĝojigi » niajn « malamikojn », ni devus zorge silenti pri ĉiu mortanta gazeto, ĉiun novan ni devus saluti kun entuziasmo kvankam ni bone scias, ke frua morto ĝin atendas ; por ne « ĝojigi » niajn « malamikojn » ni devus malŝati lecionojn de la praktiko, lasi bonintencajn sed ne informitajn homojn entrepreni riskajn aferojn, ne almenaŭ jetante al ili malvarmigan averton... Tio ne malhelpos, ke iliaj gazetoj mortos kaj ke frue-malfrue ĝojos la « malamikoj ». Sed ni do ĉesu fiksi niajn agojn laŭ la eksterajoj ; ni agu laŭ nia propra juĝo. Se la malamiko ĝojas, tio pruvas ke ĝi estas malsprita. En la nuna stato de nia afero, la « malamiko » devus kontraŭe multe ĝoji kiam aperas nova gazeto, ĉar tio estas en nia partio nova malŝparo de fortoj, tempo kaj mono. Sed la « malamikoj » — alivorte, la Idistoj, laŭ miaj korespondantoj — ne ĝojos pro la bona kaŭzo, ke ili mem sekvas la saman vojon. Ili jam posedas belan kolekton de mortintaj, mortantaj kaj mortontaj gazetoj.

La multeco de gazetoj, aliaj diras, estas komuna fakto kontraŭ kiu oni povas nenion fari. Ke ĝi estas komuna fakto, tio estas certa, sed ĉu tio signifas ke oni ne devas batali kontraŭ ĝi ? La malsano ankaŭ estas komuna fakto ; tio ne malhelpas, ke oni penas ĝin kontraŭbatali. Se ni ne povas malhelpi la eldonadon de senutilaj gazetoj, ni almenaŭ povas eviti riproĉon de konscienco avertante iliajn eldonistojn kaj legantojn. Multaj gazetoj estas komencataj de fervoraj propagandistoj, sed tie montriĝas la diferenco inter pura propagando kaj agado. Dum la unua ofte apogiĝas sur blufo kaj esperoj, la dua nutriĝas precipe per ciferoj. Propagandisto povas facile aserti ke estas milionoj da Esperantistoj en la mondo, sed kiam li eldonas gazeton li devas kalkuli nur kun centoj kaj dekoj, ankaŭ kun Spesmiloj. Tiaj realajoj lin ofte malkuraĝigas kaj forigas de ni. Ĉu ne estas tiam ankaŭ pli bone li averti ? Se tio lin ne haltigas, li konfesos, ke ni estis pravaj kiam lin haltigos la cirkonstancoj mem, kaj restos kun ni.

Ekzistas ankoraŭ kelkaj pseŭdoargumentoj, speciale ke ĉiu lando devas havi sian gazeton kaj ke la gazetoj havas grandan propagandan signifon. Ni ilin ekzamenos venontan fojon.

H. H.

# SOCIA VIVO

INDUSTRIO

## La ekspozicio en Nanking

Specialan intereson por la eŭropanoj prezentas la jus fermita ĥina ekspozicio en la ĉefurbo de Suda landparto de Ĉiela Imperio en Nanking.

Dum oni tiel multe parolas en Eŭropo pri la « vekiĝanta koloso », kiu en proksima estonto alproprigos ĉiujn akirojn de eŭropa kulturo, mi volas ĉi sube doni kelkajn detalojn pri la interesega ekspozicio sur kiu la ĥina popolo penis koncentri ĉiujn verkojn de sia granda riĉa lando.

Laŭ sia eksterajo la konstruajoj de l'ekspozicio, farantaj kune apartan urbeton, prezentas speciale orientan ĥinan vidon. La enirejoj kaj ĉefaj ekspoziciaj ejoj estas modeloj de ĥina arkitekturo. Strangaj por l'eŭropano arkajoj kaj turoj dronas dum vespero en milradia lumo de elektraj lampetoj. Akvoperloj de saltantaj fontanoj refalas rebriligante la diverskoloran iluminadon.

Laŭ la fakaj interne vi nun notu la fakon industrian. Ĝi prezentas kolekton de ĉiuj produktajoj de nuntempa Ĥinujo. Vidinte ĝin, vi povas juĝi pri la stato de ĥina kulturo kaj tekniko. Ĉi tie vi trovas objektojn, kies produktado estas sanktigita per la multjara tradicio, kaj tiujn kiuj aperis aŭ transformiĝis sub influo de alilandulaj gvidantoj.

Malpli rimarkata ĉi-tiu influo estas sur la fabrikado kies gloro merite apartenas al Ĥinujo. Ĉiuj komplikitaj manipuladoj de la silkfabrikado, manieroj de edukado de vermoj de l'bombiksoj kaj ili aflegado — ĉio tio restas tia sama kia ĝi estis en nia imago en tempoj pasintaj. La fabrikado de silkaj teksajoj, juĝante laŭ la elmetitaj modeloj de teksaj stabloj kaj iloj, daŭras resti la antaŭa, tio estas plej primitiva, mana. Malgraŭ tio la teksajoj estas vere rimarkindaj kun la originalaj desegnajoj ; ĝia kvalito do eble ne havas konkuranton.

En kelkaj specimenoj de silkteksajoj (precipe tiuj el la provinco Sučjoŭ) oni rimarkas penon doni al la desegno eŭropan nuancon kaj kelkaj estas fabrikitaj eĉ tute en eŭropa gusto. En luksegaj montraj fenestroj de silkteksajoj ni vidas ĉiujn specojn de produktataj teksajoj, nome : krepon, atlason, veluron « fanza », « ĉesuĉa » kaj aliajn. En apartaj ŝrankoj ni vidas specimenojn de kokonoj, de silka ŝpinajo, de modeloj de silkvolvantaj iloj. Produktajoj el lino kaj kanabo havas ankaŭ lokon en ĉi-tiu fako de l'ekspozicio, sed la specimenoj de ĉi-lastaj ne estas tre rimarkindaj kaj tio estas tute natura, ĉar la fabrikado de tiuj produktoj estas perfektigata nur en la lasta tempo. Samtempe ni vidas ĉi tie diversajn produktojn, kiujn uzas la ĥinoj en la fabrikado. La specimenoj de drapoj ne montras speciale bonan kvaliton, sed laŭ ili oni povas juĝi pri la sukcesoj de ĉi tiu branĉo de produktado. Ledo kaj precipe la piedvesto el ĝi, ŝuoj, valizoj kaj jungilaroj restas kontentiga montrilo pri la progresado de prilabora industrio.

Orientulo.

HISTORIO

## La Kvindekjara Jubileo de Vladivostok

La duan de novembro 1910 la ĉefurbo de Ekstrema Oriento Vladivostok festis la Kvindekan datrevenon de sia fondotago.

Mi citos ĉi sube kelkajn eltirajojn el unu Peterburga gazeto kiuj karakterizas la unuan epokon de ekzistado de nia malproksimega urbo kaj estas dediĉitaj al la historia dato de la kvindekjara jubileo. Specialan artikolon pri la komerco kaj nuna stato de Vladivostok mi permesas al mi rezervi ĝis sekvonta fojo.

La 2-an de novembro 1860 sur la bordoj de Pacifika Oceano ĉe la golfo Ora Korno (ruse : Zolotoj Rog.) estis fondata la havenurbo Vladivostok.

Taĉmento da 40 soldatoj, komandata de signojunkro Komarov, alveninte sur milita transportŝipo Mandjur en la antaŭan havenon May, fariĝis pioniro de Ruslando sur la koreoĥina limo.

Eksciinte tion grafo N. N. Muravjev-Amurskij eldiris : « Estu la nova haveno nesto de vespoj ! » Kiaj oni devas konsenti ke la grafo Muravjev-Amurskij ne eraris.

Vladivostok laŭ la karaktero de sia vivo ĉiam estis vespnesto. Ni rememoru ĉi-tie nur kelkajn okazintajojn, kiuj plej brile desegnas la viglan kaj malkvietan vivon sur la plej ekstrema rando de rusaj posedajoj en Azio.

Post la signojunkro Komarov en la novan militan kaj administran punkton rapidis oficiroj kaj soldatoj, komercistoj, oficistoj, fiŝkaptistoj kaj homoj de plej diversaj profesioj.

Se la unuajn altiradis la gajnodona komercado kun la enlanduloj, pli grandigitaj salajro kaj pensio la duajn, tiam ĉiujn aliajn pelis ĉi tien la amo al aventuroj kaj la natura emo al entreprenoj.

Tial do nenio estas miriga ke kune kun la volga fiŝkaptisto Semenov, ĉasisto de leonoj Hudjakov, sola ĉasanta la tigron, elvenas samtempe energiaj kaj persistaj finnoj Lindholen kej Valdein, kiuj sur memkonstruitaj skunoj foriras sentime en la ventegan maron de Bering por kapti balenojn kaj rosmarojn. En la komenco ili estis fiŝkaptistoj aŭ eksportistoj. Tiu nombro grandiĝas per aliĝo de sviso Briner germana ŝipano Albers, ĥina komercisto Tun-li aŭ Jun-ho-Zan kaj aliaj, kies nombro estas senfina. Ĉiuj ili laboradis ĉi tie senhalte kaj restis poste, kiel ekzemple Valdein, fariĝinta eĉ urbestro, aŭ forveturis, kunportante kapitalon.

Sed ja pli akre ĉi-tiuj homoj kun sia entreprenemo devis batali kontraŭ la naturo, la enlanduloj kaj la malfacilaj kondiĉoj de komercado, des pli la konsumantoj — oficisto kaj militisto — vivis preskaŭ en plena senlaboro.

La filoj de la lando de Leviĝanta Suno tiam ankoraŭ ne revis pri Tjurenĉen, Mukden kaj Cusima, la koreanoj pace fiŝkaptadis ĉe niaj marbordoj kaj la garnizono nur malofte havis konflikton kun la trimastaj velŝipoj de ĥinaj ĥunĥuzoj, surprize atakintaj la enlandulojn.

(Daŭrigota) R. J. Elleder (Del. Vladivostok).

IDEOJ & FAKTOJ

## Moderna ĥina lernejo.

Ĥinoj, paŝo post paŝo, transiras al eŭropa sistemo de instruado en lernejoj, pri kio oni povas juĝi laŭ temoj, kiujn oni donas al ekzamenatoj en mezaj kaj altaj lernejoj de Ĥinlando.

Mi donos la ekzemplon de kelkaj temoj, kiuj estis donataj al studentoj de mezaj lernejoj kiuj volis ricevi tiun aŭ alian gradon klereco, donantan rajton havi iun regnan oficon.

Antaŭe, dum ekzamenoj, ĥinoj difinadis gradon de klereco laŭ nombro de hieroglifoj, skribitaj de ekzamenato.

La temoj en diversaj provincoj estis jenaj :

En provinco « Ŝanj-Dun » (en kiu troviĝas okupata de germanoj haveno Kiao-Ĉao) « Kiel plej bone oni povas gardi niajn marajn kaj terajn regnajn limojn de atencoj de fremdaj regnoj ». « Kial oni povas plej bone pligrandigi riĉecon de Ĥinlando per helpo de monta industrio (metalurgio) kaj fervoja konstruado ».

La verto ĥunĥuza en la ĥina lingvo signifas ruĝbarbulo ; tiel estas nomataj la rabistoj (precipe en Mandĵurio).

En provinco « Kiansi » : Per kio difencas unu de alia militistaj sistemoj de diversaj nacioj : » De kio povas Ekstrema Oriento instruiĝi de Viena kongreso, Berlina kontrakto kaj doktrino de Monroe ». « Kian influon havos je Ĥinlando Siberia fervojo kaj Panama kanalo ».

En provinco, « Tukjian » : « Kiaj estas la registaro, industrio kaj popolklereco de Svisujo, kiu, estante malgranda landeto, povis starigi sin sendepende de ĉirkaŭantaj ĝin grandaj regnoj ».

En provinco « Kuandun » (Kanton) : « Kian moneran valuton devas alpreni Ĥinlando, oran, argentan aŭ kupran ». « Per kiaj rimedoj oni povos akiri monrimedojn kaj insstruistojn por nova metodo de popola instruado ».

En provinco « Ĥunanj » : « Kian politikon havas Japanujo : ĉu ĝi simple sekvas post aliaj nacioj aŭ havas siajn proprajn celojn », « Kial Ĥinlando estas tiel ŝarĝita per sia malgranda regna ŝuldo, dum Anglujo apenaŭ sentas siajn grandegajn ŝuldojn ».

Tiaj temoj estas pli bone konformaj por doktoraj disertacioj, ol por simplaj ekzamenoj. Plej multan disvastiĝon ili ricevis post Rus-Japana milito, kvankam oni devas pensi, ke socia movado en Ĥinlando, tiel nomita « vekiĝo de Ĥinlando », komencis pli frue. Ĉar ĉi tiuj temoj pruvas pripensadon kaj multjaran ĉiuflankan preparadon.

Fine, mi alkondukas konsilon, donitan al studentoj de provinco « Ŝanj-si » de administranto de popola klerigado en tiu ĉi provinco (literatura kanceliero) : « pene ellernadu kristanajn sanktajn librojn egale kun viaj kaj dediĉadu grandan atenton al ĉio, kion eldonas « societo por disvastiĝo de kristana kaj komuna klereco » tiel ke vi povu fundamente kompreniĝi en regiono de la monda civilizacio ».

T. Potoroĉin (Ĥarbin).

## La protektado de la birdoj

Ĝis nun la klopodoj, krei internaciajn leĝojn por protekto de la birdoj utilaj, tute malsukcesis. Sekvante la ekzemplon de la sunriĉa Italujo, ankaŭ Grekujo kaj Portugalujo, kiel plue la afrikaj mezmaraj ŝtatoj rifuzis la aliĝon al la interkonsento pri ĉesigo de amasa mortigo de birdoj.

Tio ne estas mirinda ĉe la iam barbaraj ŝtatoj. En Italujo, la plej grava lando rilate energia birdprotekto internacia, politikaj kaŭzoj malhelpas : la registaro ne kuraĝas kontraŭbatali la krudigon aŭ malnoblecon de la ekstermo de l'birdoj. Al ĉiu ajn, prunteprenanta aŭ aĉetanta pafilon kaj paganta al la ŝtato 12 lirojn, estas permesate ekpafaĉi ĉien laŭplaĉe. Neniu estas devigata krontrakti pri ĉasaja distrikto. La ĉasado de Italujo por la bruta ekstermo de la ĉasajaro, reduktiĝis preskaŭ al nenio, do la manĝuloj de insektoj devas servi kiel ĉasajoj.

Dum oktobro de l'nuna jaro en unu sola tago oni vendis ses cent funtojn da hirundoj, kaptitaj de 3 birdkaptistoj, en la publika foirejo. Kvankam Aŭstrio unua aliĝis al la interkonsento kune kun la germana imperio, tamen ankaŭ politikaj konsideroj kaŭzas, ke Austrio indulgas siajn italajn regatojn : por ne naski novajn konfliktojn kun la Iredentistoj en itala Tirolo, oni ne malpermesas al ili la mortigon de la birdoj. Same la modela leĝaro de Svisujo ne povas subigi la tieajn italajn laboristojn kaj la italan loĝantaron. Kiel oni pereigas en suda Tirolo centmilojn da abiparuoj, la plej bonaj gardantoj de l'arbaroj, tiel la plej supra abomeno estas la ekstermo de l'hirundoj.

Depost kiam ekzistas la mondo, oni ŝatas tiujn fidemajn birdojn, la nedifekteblajn amatuletojn de ĉiuj popoloj : en Piemonto, kie oni amase mortigas birdojn plej furioze, estas plenigataj tutaj vagonoj da hirundoj ! Depost jardekoj la kulturita mondo, de ĉiuj landoj klopodas finigi tiun barbarecon. Vane ! Precipe en Germanujo minacas la dezertigo. Tion komprenante nun la ligo por protekto de birdoj fondiĝis kun oficejo en Stutgart. Ĝia principo estas, konservi al Germanujo ĝian belecon kaj proprecon kaj instrui la popolon, ke ĝi amu kaj komprenu ilin. La problemo pri protekto de birdoj estas ne nur grava problemo por la parlamentoj, ĝi estas ankaŭ precipe demando de la civilizacio kaj kulturo.

Ĉiu laŭpove helpu solvi tiun problemon.

Trad. Difidela (Hannover).

## La Kluboj en Granda Britujo

Ĉiuj, nuntempe, en ĉiuj landoj parolas pri kluboj : Neniu kontinentulo tamen havas ian ideon pri la vera brita klubo. Ĉiuj popoloj prenis la anglan nomon, sed ne la realan organizajon. *Klubo* ĉi tie montras specialajn rajtojn, garantiojn, kaj longan edukadon de libereco, tute nekonatan sur la kontinento.

La unuaj kluboj fondiĝis dum la 15-a jarcento kaj havis literaturan aŭ artan esencon. Poste komencis kunveni en apartaj rondetoj politikistoj, sciencistoj, komercistoj, k. t. p. unu aŭ dufoje ĉiumonate aŭ semajne por diskuti la tempajn aŭ privatajn aferojn de la korporacioj, ĝis kiam fine ili ekfondis societojn por aĉeti je la plej bonaj kondiĉoj ĉiujn necesaĵojn de la vivo.

La deveno de la nunaj kluboj, — ĉe kiuj la membroj povas loĝi kaj vivi komforte, eĉ sufiĉe malkare kompare kun la vivo en soleco, — estas milita. En 1815 kiam Granda Britujo fariĝis paca lando — post multegaj longaj militoj — la nombro de la oficiroj estis tre malgrandigita ; multaj ricevis pension, duonon de la dumdejora pago, sekve anstataŭ vivi kune ĉe kazernoj kaj manĝi ĉe komunaj tabloj, ili estis devigataj vivi pli simple kaj ŝpareme ĉe restoracioj, aŭ familiaj pensionoj, kaj eĉ la plej malaltgradaj faris mem la manĝaĵojn kaj aliajn necesaĵojn de la ĉiutaga vivo. Tre baldaŭ tia vivaĉo lacigis multajn el ili kaj dum tiu sama jaro ili decidis havigi al si sian propran domon. Tuj ili kolektis monon inter si kaj konstruigis domegon en kiu povis kunloĝi 1.500 personoj. En 1819 ĝi estis malfermata kaj tuj tute okupata ; baldaŭ poste dua, tria kaj pluaj domoj tiaj estis konstruataj dum la sekvantaj jaroj. Tiel unu post la alia fondiĝis : La Klubo de la Unuigitaj Oficiroj (United Service Club), kiu enhavis oficirojn de la teraj kaj maraj armeoj ; la Nova Klubo de Oficiroj (Junior Service Club) por malaltgraduloj ; la Domego de la reĝinaj gvardiaj Oficiroj (Guards Club House) ; k. c., k. c.

La nemilitistoj iom post iom sekvis la ekzemplon de la oficiroj kaj unu post la alia kreiĝis : Klubo de Inĝenieroj, Klubo de Universitatanoj, Klubo de Advokatoj ; k. t. p.

Ili ĉiuj kaj multaj similaj ankoraŭ ekzistas ĉe nia epoko ; flanke de ili estis fonditaj kluboj multenombraj inter la oficistoj kaj laboristoj ĉiuspecaj, eĉ ekzistas nun specialaj klubdomoj por virinoj. Tiuj institucioj tre malhelpas al la Angloj ĉeesti la kutimajn trinkejojn plej ofte vizitatajn de la alilanduloj, kiuj nepre ne scias kiel pasigi la tempon en Granda Britujo, precipe la dimanĉon.

La konstruajoj, preskaŭ ĉiam, estas veraj palacoj, kaj tiu kiu ne scias pri la kluboj kredas ke ili estas domegoj apartenantaj al nobeloj aŭ aliaj riĉeguloj ; tio estas la okazo precipe en la ĉirkaŭajo de Saint-Jame's-Park, Pall-Mall, kaj kelkaj aliaj lokoj kiuj dank'al ili aspektas brilaj kaj majestaj. Oni povas vidi palacojn el ĉiuj arkitekturoj, greka, romana, itala, k. c., sed iel ĉiuj konstruajoj ŝajnas « hejmaj ». Inter la plej belaj Klubdomoj estas la « Carlton Club », kies fasado estas ornamita per duobla vico de kolonoj el ruĝa polurita granito ; la « Army kaj Navy Club » kun siaj skulptitaj ornamaĵoj ; la « Oxford kaj Cambridge Clubs », la « Reform Club », la « Atheneum », k. t. p.

La interno de tiuj ejoj estas ne nur belegaj, sed mirindaj pro riĉeco kaj eleganteco. Estas kvazaŭ palacoj priskribitaj en la noveloj « Mil kaj Unu Noktoj ». Ĉe la enirejo estas preskaŭ ĉiam du gardistoj, kies devo estas zorgi ke neniu krom la klubanoj eniru la domon. Tiuj servistoj, ĉiam ceremonie vestitaj, havas mem helpantojn kiuj havas kiel solan taskon porti leterojn, telegramojn kaj aliajn komisiajojn al la membroj. Nemembro kiu deziras viziti amikon devas atendi respondon en akcepta ĉambro. Se per speciala favoro li estas akceptata viziti iun el tiuj famaj konstruaĵoj li estos kaptita per mirego je la vido de la riĉaj ornamaĵoj. Ĉe la « Carlton Club », ekzemple, li admiros la koridoron kun ĝiaj ravaj skulptaĵoj lumigitan de kristala kupolo kiu similas ĉielon. Ĉe la « Reform Club » la enira ĉambro estas el marmoro kaj oro. Kolonoj el flava marmoro elportas galerion kaj plafonon travideblan. Pordoj el la plej multekostaj lignoj malfermas diversajn ĉambrojn, maten-, lego-, k. c., ĉiuj ornamitaj per grandegaj kaj artaj speguloj, riĉegaj pentraĵoj, brilaj lumigiloj, kaj — io neforgesebla — seĝegoj kaj kanapoj kiel eble plej molaj kaj komfortaj. Ĉe la aliaj etaĝoj kuŝas biblioteko, salono, fumejo, kartludejo, bilardĉambroj, k. t. p. La plej riĉa el ĉiuj lokoj estas la salono, kiun envius pli ol unu milionulo. La reĝa palaco mem tre certe ne povus enhavi pli belajn ! La biblioteko konsistas el libroj multekostaj kaj ĉiuspecaj. Ĉiuj kluboj lokitaj en Pall-Mall aŭ en la okcidenta parto de Londono estas preskaŭ similaj. Ĉe ĉiuj oni trovas la saman aranĝon; la supera parto de la konstruaĵoj estas okupataj de la servistoj kaj oficistoj de la domo.

La multeco de la kluboj starigitaj en Londono klare montras ke ili estas vera sociala bezono por la Angloj. Ĉeesti klubon ne signifas, kiel oni ofte kredas, pasigi la tempon ludante aŭ babilante. Por multaj ĝi estas horoj de soleco, silentado kaj eĉ momentoj de revado ; efektive nur ĉe anglaj kluboj oni povos renkonti du virojn kiuj vidas unu la alian ĉiutage, restas longajn horojn kune en sama ĉambro kaj neniam diris eĉ unu vorton pri siaj aferoj. Oni do povus diri ke ili kuniĝas nur por pligrandigi sian liberecon samtempe kun sia komforto kaj siaj plezuroj.

La institucio de la kluboj kreis tute novan tipon de viro, strangan kaj vere britan : *La Klubano*. Por li ekzistas nenio ekster Pall-Mall, kaj viro kiu ne estas membro de iu klubo ne estas homo. La klubdomo estas lia hejmo, lia societo. Se li tie ne kuŝas, li tien alvenas je la naŭa matene kaj ĝin forlasas je meznokto. Tie li ricevas siajn amikojn, skribas siajn leterojn, faras sian tualeton, legas la jurnalojn, promenas de ĉambro al ĉambro aŭ sidas antaŭ fenestro rigardante la okazajojn sur la strato. Li scias ĉion, kio rilatas al la klubo, multe pli bone, kelkafoje, ol siajn proprajn aferojn.

Jen cetere kelkaj rimarkoj faritaj al mi de membro de iu klubo londona : « La kluboj solvis por mi la problemon » vivi bonege kvankam malkare. Por kelkaj funtoj sterlingaj » ĉiujare, mi ĉi tie ĝuas vivon kian nur riĉegulo povus havi. » Kiam mi rigardas *miajn* salonojn, *miajn* bibliotekojn, » *miajn* galeriojn, k. t. p. mi imagas esti ia potenculo riĉega. » Mi estas pli feliĉa ol ordinara bienposedanto, ĉar mi ĝuas » la vivon de riĉulo sen ĝiaj malagrablaĵoj. Mi ordonas al » miaj lakeoj kaj tuj miaj ordonoj estas plenumitaj ; amason » de servistoj mi posedas pri kiuj mi nepre ne devas min » okupi, ĉu pro dungado, ĉu pro iu alia kaŭzo ».

La kluboj do riĉigis multajn aŭ pli bone ŝanĝis la kondiĉojn de riĉeco. Flanke de tio, ili favore influis la kondiĉojn de la brita vivo kaj societo. Inter la bonaj ŝanĝoj okazigitaj estas la nuna intermiksiĝo de personoj el ĉiuj sociaj rangoj kaj profesioj. Ili forigis, almenaŭ parte, la fierecon de la aristokrataro, rompis la barilojn antaŭe ekzistantajn inter la nobeloj diversklasaj kaj la aliaj britoj, kaj kunigis homojn kiel eble plej malsimilajn rilate al la ideoj kaj opinioj. Tiuj institucioj reprezentas fidele, se nur en miniaturo, la anglan societon. Tie ekzistas vera libereco : la plej malriĉaj anoj ĝuas la samajn rajtojn, la samajn komfortojn kiel la plej favorataj ĉu per la naskiĝo, ĉu per la riĉeco. Tie ankaŭ ne ekzistas estroj, sed nur egaluloj.

Laŭ la planoj de la supre priskribitaj asocioj, kluboj specialaj por laboristoj, por oficistoj, por virinoj estis organizataj dum la lastaj jaroj. (Kluboj de asekuristoj, kalkulistoj, instruistoj, skribmaŝinistinoj, veturigistoj, k. c.). Se ili ne estas tiel riĉe meblitaj aŭ ornamitaj, ili tamen havigas al siaj membroj komforton kaj amuzaĵojn, kiujn ili ne povus ricevi vivante solaj en apartaj ĉambroj aŭ domoj. En ĉiuj tiaj kluboj estas legoĉambro kun jurnaloj kaj revuoj ĉiuspecaj, biblioteko, fumejo, festhalo, k. c. Ĉe la laboristaj kluboj, lokoj estas rezervitaj por la instruado de la membroj, ĉu pri la unuagrada lernado, ĉu pri la metio au profesio. La kotizaĵoj estas tre malaltaj ; en kelkaj kluboj ĝi estas ne pli granda ol 2 Sm. po jaro. Por tiu sumo, kaj tial ke neniu volas aŭ povas gajni monon el la institucio, oni povas ricevi je aĉetprezo kafon, teon aŭ iun ajn manĝaĵon aŭ trinkaĵon. La vivo do fariĝas multe pli malkara ol en la kutimaj kondiĉoj, kaj la anoj, precipe la junuloj ne estas altirataj al la trinkejoj, kiel tio tro ofte okazas kiam post longa labora tago ili devas reiri malvarman kaj malriĉe meblitan ĉambron. Por fraŭloj kaj precipe por fraŭlinoj la kluboj estas veraj hejmoj ĉe kiuj ili povas komforte vivi meze de bonaj kamaradoj kaj ricevas senpage ĉiuspecajn amuzaĵojn, paroladojn, koncertojn, teatraĵojn, dancadojn, ktp. por kiuj ili alie devus pagi sufiĉe kare. Tiaj kluboj nun ekzistas en ĉiuj distriktoj de Londono kaj de la grandaj urboj en Anglujo.

Multaj paĝoj estus necesaj por detale priskribi la diversajn specojn de anglaj kluboj, sed bedaŭrinde nur kelkaj linioj estas allasataj al mi por trakti la temon (kaj mi jam uzis pli ol estis permesite). La suprediritâjoj estas do nur mallonga kaj malbona skizo de la angla organizaĵo : la klubo. — Paul Blaise (D. Del. Londono).

## Pri la reformo de l'kalendaro

Jam multaj skribis pri la reformo de l'kalendaro, sed ĝis nun neniu skribis la veron pri tio. (?... Red.)

1e En ĉiu kalendaro la religio havas grandan gravecon. La fakto, ke ĉiu grava religio havas sian kalendaron (Izraelidoj, kristanoj, mahometanoj havas ĉiu sian kalendaron) sufiĉas por ĝin montri.

2e Ĉar oni parolis nur pri reformo de l'Gregoria kalendaro, ni studos nur tiun lastan.

En ĝi ni vidas du punktojn, la disvolvon de la semajnoj kaj la Paskon kiuj estas nur religiaj. La aliaj, la monatoj kaj la tagkalkulo estas komercaj kaj landaj aferoj.

Pri la du unuaj U. E. A. tute ne rajtas diskuti pro la tria artikolo de sia regularo : « U. E. A. estas absolute neŭtrala rilate al religio, politiko kaj nacieco. »

Plie eĉ se regnestraro volus ŝanĝi ion en la disvolvo de la semajnoj la kristanoj ne povus sekvi la novajn semajnojn kaj la kristana ne estus ĉiam la dimanĉo. Same se regnestraro volus fiksi la Pasktagon ni havus du Paskfestojn ĉiujare. Sekvus de tio, ke la kalendaro estus tute fuŝita kaj ni havus du kalendarojn. Mi ne kredas ke tia estas la celo dezirata : ĝi estos tro kontraŭa al Esperantismo.

3e Kontraŭe se oni respektas la religiajn partojn ; tio estas se oni volas krei nur internacian kaj interkalendaran manieron por numeri la tagojn, la afero fariĝas tute facila kaj tuj efektivigebla. Sufiĉas, en tiu okazo, elekti la plej simplan manieron, tute kiel oni elektis por la mono la Spesmilon. U. E. A. povus de nun ĝin alpreni kaj iom post iom, la nova tagkalkulo, disvastiĝus en la mondo.

Kompreneble la jaro povas esti nur la gregoria jaro kiu estas la sola vere astronomia. Oni dividus la jaron en 4 sezonojn ; la tri unuaj havus ĉiu 91 tagojn kaj la kvara 92 aŭ 93 en la superjaroj. Tiel ĉiu sezono komencus en la sama jaro per la sama semajna tago kaj la kalkulo estus tre simpla. Se mi ne eraras tio estas parto de la propono de S-ro Grosclaude.

A. Paillard (Del. Corbeil).

GEOGRAFIO

## La loĝantaro en Usono

Laŭ ĵus anoncitaj ciferoj de Washington sin trovas en Usono, t. e. en kontinenta Usono, 91,972,266 homoj. Ĉi tiu ciferaro montras plimultiĝon de la enloĝantaro dum la lasta jardekro, egalan al 15,977,691 aŭ 21 %. De kiam la unua homsumado estis farata en la jaro 1790, kiam sin trovis 3,929,214 homoj en la landlimoj de la tiam nova Usono, la enloĝantaro de la respubliko dudekkvinobliĝis. La suba tabelo montros la rezultatojn de la dektri homsumadoj faritaj de post 1790, kune kun la procenta plimultiĝo.

| Jaro. | Nombro. | Procenta Plimultiĝo. |
|---|---|---|
| 1790 | 3.929.214 | » » |
| 1800 | 5.408.433 | 35.11 |
| 1810 | 7.229.881 | 36.40 |
| 1820 | 9.633.822 | 33.06 |
| 1830 | 12.806.020 | 33.55 |
| 1840 | 17.069.453 | 32.67 |
| 1850 | 23.151.876 | 35.86 |
| 1860 | 31.443.321 | 35.58 |
| 1870 | 38.558.371 | 22.63 |
| 1880 | 50.155.783 | 30.08 |
| 1890 | 61.947.714 | 25.50 |
| 1900 | 75.994.575 | 20.07 |
| 1910 | 91.972.266 | 21.40 |

Multaj interesaj faktoj elmontriĝas el la kolektitaj ciferoj de la denombristoj. Kvankam entute la enloĝantaro pligrandnombriĝis, iuj ŝtatoj el la Unuiĝo suferis perdon. Ekzemple, la ŝtato Iowa malgajnis 7.3 0/0 dum la ŝtato Washington gajnis 120 0/0. Aliaj similaj ekzemploj troviĝas. La pligranda gajno estis en la okcidentaj ŝtatoj. Tiel montriĝas ke tiu sekcio nomita « Nova Anglujo » en la nordorienta parto de la lando gajnis 17.2 0/0 sed la « Pacifikaj Ŝtatoj » kuŝantaj laŭlonge de la borde de la Maro Pacifika gajnis 73.5 0/0. Laŭ tiaj faktoj estas klare ke ankoraŭ la natura tendenco de la homa ondo estas flui okcidenten.

La ĉefestro de la denombra oficejo alskribas la ĝeneralan enlandan plimultiĝon pleje al la enmigrado de fremduloj. Oni memoru ke ĉiu jare pli ol 1.000.000 homoj eniras Usonon de eksteraj landoj. Sen la aldono de la enmigrantoj estas dube ĉu la homplimultiĝo estus iel rimarkinda, ĉar estas nedisputebla fakto ke estas inklino inter amerikanoj malpligrandigi la nombron da naskotoj, same kiel en Francujo kaj ceteraj landoj.

El la tuta enloĝantaro 45 0/0 estas enurba, tio estas, tia procento enloĝas en urboj havantaj 25.000 aŭ pli loĝantojn. Depost la lasta sumado de la jaro 1900 ĉi tiu procentocifero montris tre certan pligrandiĝon kaj evidentigas la inklinon de la kamparanoj forlasi la kamparon kaj iri urben. Speciale vera estas ĉi tio pri la junuloj, kaj nemvideble malbonaj estas la konsekvencoj de tia movado.

La suprecititaj ciferoj ne enkalkulas la loĝantojn de la eksterlandaj posedaĵoj de Usono, nome Filipinaj Insuloj Porto Riko, Sandviĉaj Insuloj, k. a. Entenigante la loĝantojn de tiuj lokoj oni trovos ke la tuta loĝantaro en la protekto de la usona registaro egalos pli ol 101.000.000.

Jam de kelkaj monatoj oni sciis la loĝantajn ciferojn por la ĉefaj urboj. Listo de la unua deko sube sekvas :

| Urbo. | 1900. | 1910. | Procenta Plimultiĝo |
|---|---|---|---|
| New-York | 3.437.202 | 4.766.883 | 38.7 |
| Chicago | 1.698.575 | 2.185.283 | 28.7 |
| Philadelphia | 1.293.697 | 1.549.008 | 19.7 |
| Saint-Louis | 515.238 | 687.029 | 19.4 |
| Boston | 560.892 | 670.585 | 19.6 |
| Cleveland | 381.768 | 560.663 | 46.0 |
| Baltimore | 508.957 | 558.485 | 9.7 |
| Pittsburg | 451.512 | 539.905 | 18.2 |
| Detroit | 285.704 | 465.766 | 63.0 |
| Buffalo | 352.587 | 423.715 | 20.2 |

La denombrado de la novaj loĝantaj ciferoj postulas ŝanĝon en la kongresreprezentado. Se la registaro decidus ke restos la estanta bazo, nome unu reprezentanto por ĉiu 194.000 da homoj, la kongresoj dum la venontaj dek jaroj entenos 474 membrojn anstataŭ la nuntempaj 392. Sed tia granda membraro estas malfacile regebla kaj tromulte prokrastigas la leĝfaradon, kaj okazos sendube ke nova bazo estos starigata, kiu restigos la kongresmembraron je la nuna grandeco.

La homenhavebleco de la okcidenta respubliko estas pripensida demando. Permesante la saman procentan plimultiĝon por la venonta jadekro oni kalkulos ke en 1920 sin trovos en Usono 110.000.000 homoj, kaj tiel kalkulante ĝis la fino de la estanta jarcento oni trovos ciferon pli grandan ol 450.000.000. Kiam atingiĝos la danĝerlimo, kiam la interpremado inter la enloĝantoj estos tiel ke la penego pro la ekzistado ĝemindigos kaj laboregigos la vivadon de ĉiuj escepte de tiuj malmultaj kiuj tenos en siaj manoj la tutan riĉaĵon de la lando se la hodiaŭa masigado de la riĉaĵoj estos senlime permesata. Ankoraŭ estas sufiĉe por ĉiuj, kaj por ŝpari, sed ĉiam oni ne povos tiel diri se la nuna procenta plimultiĝo daŭros. H. Hall (Cleveland, Ohio).

## Nafta Regno

« Ĝi estas antaŭenirejo de l'infero » tiel diris mia konata inĝeniero, montranta al mi Balaĥani (antaŭurbo de Baku ĉe Kaspia maro), kiam ni veturis sur gluiga koto de l'ŝoseo inter altaj grizaj baroj, laŭlonge de senfinaj unuformaj grizaj « altaĵoj ». Efektive la eksteraĵo de tiuj ĉi malgajaj konstruaĵoj sub la ĉielo griza pro fumo, meze de senkolora loko, havanta neniun kreskaĵon, rememorigas la inferan antaŭenirejon, laŭ Dante, kun griza ĉielo, en kiu mankis steloj.

Kiam oni rigardas el malproksime al Balaĥani kun arbaro da piramidformaj altaĵoj, tiam tiuj ŝajnas kvazaŭ iuj tombaj monumentoj kaj la tuta loko ŝajnigas grandan tombejon. La nuna impreso ne estas erariga, ĉar la naftteraĵo estas tombo por multaj estaĵoj. Antaŭ ĉio ĝi estas tombo por infanoj, kiuj tie ĉi mortas « kiel muŝoj », tiel mi aŭdis kelkfoje La infanoj de laboristoj havas neniun lokon, kie ili povus sin kaŝi kontraŭ koto kaj fumaĵo; ili ĉiam spiras la aeron venenitan per la naftaj elvaporaĵoj. Eĉ la infanoj de superaj servistoj havas nesanan elkonsumitan aspekton ; ili plejparte pasigas tempon en ĉambroj, ĉar mankas loko por promeni kaj kuri. Nenio rememorigas la naturon : estas neniu arbusto kaj herbeto. Apud la granda bonega malsanulejo oni penas planti ĝardeneton, sed nenio kreskas sur la grundo, kiu estas trasorbigita per nafto.

« Niaj familioj loĝas kiel en ekzilejo » diris direktanto de unu naftfabriko. Sed la ekzilejoj de superaj oficistoj estas vastaj, lumaj kaj oportunaj loĝejoj. Ĉe tiuj domoj, kiuj trovas sin en apudaĵo de naftfabriko mem, estas kvankam malgranda pura loko, sed pli grave — iliaj familioj ĉiam forveturas por somero. Kia do estas stato de tiuj familioj, kiuj loĝas ĝuste en centro mem de tiu ĉi infera antaŭenirejo, ili iel loĝas en malgrandaj loĝejoj, el kiuj oni povas nenien eliri, ĉar ĉie estas koto kaj fumaĵo, en kiuj ili vivas tutan jaron.

Kiam venas Baku'a somera varmego, kiam la infera antaŭenirejo kun manko de freŝa aero, kun ĝiaj malutilaj elvaporaĵoj, fariĝas vera infero, tiam la infana morteco atingas grandegan kvanton. Sed ne solaj infanoj trovas sian tombon en Balaĥani. Influo de l'naftaj elvaporaĵoj je spirado efikas plej malutile La laboristoj elportas la laboron en naftfabrikoj nur dum 2-3 jaroj, ne pli ol 5, poste nepre sekvas tuso, spiregado. Iom post iom fariĝas bronĥito, kiun postsekvas emfizemo kaj anemio. Ĉiuj ĉi malsanoj havas malignan karakteron ĉe la laboristoj, kiuj suferas pulmajn malsanojn. Plej malutile efikas naftfontanoj. Influo de la naftelvaporaĵoj je haŭto ankaŭ estas tre malutila kaj preskaŭ ĉiuj laboristoj suferas dolorajn kaj daŭrajn haŭtmalsanojn.

Krom tiu ĉiama elkonsumiga influo, la naftindustrio donas grandan 0/0 da malfeliĉaj akcidentoj, precipe dum borado. Dank'al granda pezo de la boriloj, manko de antaŭgardrimedoj kaj troa laciĝo pro longa labortago, ĉe borlaboro okazas ne nur hernioj, sed ankaŭ rompiĝo de dorso kaj diversaj mortakcidentoj. Sufiĉe diri, ke laŭ statistiko farita de D-roj Kancel kaj Krylov, ĉiu deko-dekduo da traboritaj klaftoj postsekvigis dum 1901-2 j. meznombre po 1 malfeliĉa okazo. Do, en ĉiuj 4.000 borejoj estis kontuzitaj preskaŭ 40 miloj da l'aboristoj, daŭre ekzisto la naftindustrio.

Plej multe suferas persoj, ĉar ili plenumas la plej kotan kaj malfacilan laboron dum akirado de la nafto. La rusoj evitas tian laboron, ili estas okupataj plejparte en meĥanikejoj kaj naftpurigejoj, ili konsistigas certe plej intelegentan klason de Baku'a laborista loĝantaro.

Trad. (1) N. Foss (Del. Ufa).

Rim. de l'trad-to : Malgraŭ la malutila influo de nafto je organismo, en sovaĝaj lokoj de Kaŭkazo la loĝantoj ĉiam uzas nafton kiel kuracilon kontraŭ multaj malsanoj : vundoj, reŭmatismo, eĉ ĉe la ĥolero oni trinkigas ĝin.

Baku, havanta multajn riĉajn konstruajojn, atentigas mankon de kreskaĵoj, ĝi posedas nur unu ĝardenon, en kiu la arboj kreskas el sub asfalto, kaj la grundon por tiu ĝardeno oni veturigis el malproksime, ĉar proksime estas trovata nur sablo, salterajo aŭ naftoterajo. Ankaŭ en tiu urbo mankas nesala akvo, oni uzas la veturigatan aŭ sensaligitan maran akvon. Oni devas sin alkutimigi por trinki teon infuzitan en tia akvo !

N. F.

FINANCOJ

## La prezo de l'mono en la ĉefaj eŭropaj landoj

Kvankam la mono estas mezurilo por la komercajoj ĝi mem havas la karakteron de komercajo; kiel ĉiu komercajo la mono havas sian prezon, ĉar la postulo pri mono ŝanceliĝas laŭ la stato de la ĝenerala komerco kaj industrio en la diversaj landoj. La prezo de l'mono estas esprimata en la procentmezuro de la centraj notbankoj. Estas interese kompari la procentmezuron de la ĉefaj bankoj dum certaj periodoj, kiel oni vidas en la sekvanta tabelo.

| Jaroj | Germ. Imper. Banko 0/0 | Banko de Anglujo 0/0 | Banko de Francujo 0/0 | Belga Nacia Banko 0/0 | Nederl. Banko 0/0 | Aŭstria-Hung. Banko 0/0 |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 1876-80 | 4,17 | 2,91 | 2,66 | 3,00 | 3,12 | 4,34 |
| 1881-85 | 4,23 | 3,42 | 3,34 | 3,74 | 3,55 | 4,06 |
| 1886-90 | 3,64 | 3,56 | 3,04 | 3,21 | 2,56 | 4,19 |
| 1891-95 | 3,46 | 2,60 | 2,56 | 3,83 | 2,86 | 4,23 |
| 1896-00 | 4,42 | 3,21 | 2,50 | 3,38 | 3,10 | 4,37 |
| 1901-05 | 3,86 | 3,42 | 3,00 | 3,13 | 3,11 | 3,67 |
| 1906 | 5,15 | 4,27 | 3,00 | 3,84 | 4,14 | 4,33 |
| 1907 | 6,03 | 4,93 | 3,46 | 4,95 | 5,10 | 4,09 |
| 1908 | 4,76 | 3,01 | 3,04 | 3.00 | 3,08 | 4,28 |
| 1909 | 3,93 | 3,10 | 3,00 | 3,11 | 2,88 | 4,00 |
| 1910 | 4,34 | 3,71 | 3,00 | 4,12 | 4,22 | 4,19 |

Kiu scias iom la sciencon de nacia ekonomio povas legi multon el tiuj ciferoj pri kapitalpovo kaj florado de komerco en la diversaj landoj. — Vogler (Del. Hamburg).

NEKROLOGIO

## Prof. Ch. Méray

Ni jus ekscias la morton okazintan en Dijon la 2-an de februaro, post kelktaga malsano, de fama scienculo S-ro Prof. Ch. Méray, korespondantó de l'Franca Instituto, en la 76-a jaro de sia aĝo. Li naskiĝis en la jaro 1835 Chalon-sur-Saône, en Burgonjo, studis en la kolegio de Chalon kaj en la liceo de Dijon kaj eniris en 1854 en la Superan Normalan Lernejon en Parizo, en la matematikan sekcion. De 1867, li estis profesoro en la Dijona Universitato. La matematikaj verkoj de Prof. Méray estas tre gravaj ; mi speciale citas liajn *Lecionojn de infinituma kalkulo*, lian *Teorion de la elipsaj funkcioj*, en kiu li retrovis per alia vojo, ĉiujn rezultatojn publikigitajn de Weierstrass, kaj liajn *Novajn elementojn de geometrio*, kiuj faris multe da bruo en la mondo kaj estis la vera instigo al la multaj provoj faritaj en la lasta tempo por renovigi la bazon de la instruado de elementa geometrio.

Prof. Méray estis unu el la unuaj pioniroj de Esperanto en Francujo. Esperantistigita de sia kolego Prof. Ch. Lambert, li varbis al nia afero diversajn eminentulojn, nome Prof. C. Bourlet, Prof. Gruey, el Besançon, kaj multajn aliajn. En la lasta tempo pro sia tro granda aĝo li devis eksiĝi el la Lingva Komitato, sed lia fido en nia afero restis plena. Mi ĝismorte rememoros la viziton kiun mi faris al li antaŭ kelkaj monatoj kaj la lastajn kuraĝigajn vortojn kiujn mi aŭdis de li : « Esperanto venkos, ne per la scienculoj kiuj, en tiu afero estas kvina rado en veturilo, sed per la popolo, kaj per la praktika uzado. » — Th. Rousseau.

## Prof. Mayor

Ni kun bedaŭro eksciis pri la morto de unu el la plej fervoraj defendantoj de Esperanto, D-ro John Eyton Bickersteth Mayor.

D-ro Mayor estis unu el la plej eminentaj profesoroj de la Kembriĝa universitato. La naskiĝis en 1825 ĉe Baddegama (insulo Ceylon) kaj studadis en Shrewsbury kaj en la St-Johns College de Kembriĝo, kie li funkciadis kiel profesoro. Multaj britaj jurnaloj raportis pri lia brila profesora kariero, la kleraj libroj verkitaj de li, liaj multnombraj artikoloj en sciencaj kaj teologiaj revuoj.

En la lastaj jaroj, D-ro Mayor multe interesiĝis pri Esperanto. La partoprenintoj en la IIIa Kongreso ĉiam rememoros la respektindan maljunulon, kiu ĉeestis ĉiujn kunvenojn, ĉiujn akceptojn. Ne forgesebla estas la elokventa kaj entuziasma konvinkiĝo pri Esperanto, kiun li esprimis fine de la Kongreso. Li tiam estis okdek-tri-jara, kaj en kelkaj tagoj li jam tiel bone lernis nian lingvon, ke li povis fari paroladon en Esperanto. Li dankis D-ron Zamenhof, pro la miraklo, kies mirigita atestanto li estis :

Mi vidis, — li diris, — laŭ la voĉo de tiu nova Josuho, fali la murojn, kiuj disigas la homojn de diversaj nacioj ; mi vidis renoviĝi la miraklon de Pentekosto : la lingvakirebleco donitan al la plej humilaj ; mi transportiĝis en novan mondon de la universala interkonsento kaj interpaco, kies nova Kristoforo Kolombo estas D-ro Zamenhof...

# Al niaj Abonantoj

**Ni atentigas niajn legantojn, ke de la 1-a de Februaro, la abonprezo de ESPERANTO estis altigita ĝis 2 Sm.**

**La prezo de la luksa eldono estas 2,50 Sm. Tiu ĉi eldono estas presata sur pli bona papero kaj sendata sub plena banderolo.**

**Ni rememorigas, ke la abonoj al ESPERANTO povas komenci en ĉiu monato (ne speciale en januaro). La personoj, kies abono finiĝis, estas avizataj pri tio per speciala avertilo. Ni tre petas, ke por eviti al ni pluajn klopodojn kaj ne interrompi la ekspedadon de la gazeto, ili tuj sendu sian abono. Personoj, kiuj ne deziras reaboni, resendu la gazeton, skribante sur la banderolo : « rifuzita ».**

**Por respondi diversajn petojn, ni informas, ke pro la neantaŭvidite granda nombro de mendoj, la No 92 estas tute elĉerpita.**

(1) El « Russkija Vedomosti ».

# LITERATURA PAĜO

# TRA
LA
# ESPERANTA LITERATURO

**Unuaj agordoj** (1)

« Poezio ! dunaskita fratino de Esperanto !... Vi, sankta trezoro de la ideala homaro ! Vi, frateca akordigaĵo de la du plej gravaj homaj vivorganoj : la koro kaj cerbo ! » Tiuj entuziasmaj vortoj de Paul Lengyel rekantis en mia memoro, dum mi legadis kaj relegadis kun grandiĝanta plezuro la ĉarman verketon de S-roj Elski kaj Eska.

Kvankam du poetoj egalparte kunlaboris en la verkado de tiu libreto kaj ĉiu aŭtoro subskribis siajn versojn, tamen la leganto sentas nur unu impreson, pro la unueco kaj sameco de inspiro, stilo kaj ritmo.

Ofte utilas koni la vivon de l'verkinto, liajn karakteron, edukadon, ĉirkaŭantaron. Tiel oni pli bone komprenas la tuton kaj la detalojn de l'verko, kaj oni ĝin recenzas pli juste kaj objektive. Mi povas diri nur (ĉar en la verketo mem mi trovis tiujn nesufiĉajn sciigojn) ke la du poetoj estas Poloj, ke ili estas junaj kaj ke la vivo (se oni plene fidas la pesimisman direkton de iliaj pensoj kaj sentoj) estis al ili pli severa ol indulgema kaj ridetema. Sed preskaŭ ĉiuj modernaj poetoj estas, aŭ diras esti, tre malfeliĉaj. La nuntempa poezio estas melankolia floro, kiu plej riĉkolore ekfloras sub la malluma pluva ĉielo de aŭtuno.

Mi provu doni resuman ideon pri la 43 poeziaĵoj el kiuj konsistas la verketo.

Se la poeto iam ĝuis feliĉon, ĝi estas nur dum revoj. Post le vekiĝo, li vidas sin malĝoja kaj suferanta ; ĉirkaŭe baraktas homoj egoismaj kaj kruelaj ; al la ĉielo supreniĝas doloroĝemoj, kaj el la reala mondo respondas plenda voĉo.

Ke sorto la homa por ĉiam sensuna !

Naturo estas indiferenta al la sorto de individuoj ; la suno leviĝas en helo, la birdoj pepadas, la arbaro murmuras sub la tagmezaj radioj kaj endormiĝas en la ĉirkaŭpreno de l'nokto, sed la poeto konas nur mallumaĵojn, bedaŭrojn kaj larmojn :

Jen arbaro forte bruas,
Lun' kaŝiĝis en nebuloj,
Kaj foliojn de betuloj
Sibla vento forte skuas,
Pro sopiro kaj dolor'
Plendas mia juna kor'.

Ĉu en vero Malfeliĉo kaj Morto estras la mondon ?
Ĉu nur en la tombo la poeto povos ripozi el tiaj nigraj pensoj ? do la morto !

Por turmentita l'animo mia,
Por soifanta spirit' sen forto
La pac' senlima estas vi, morto ;
Venu vi dia.

Kio ? ne eĉ unu aŭroro, ne eĉ unu anguleto de lazura ĉielo ? La poeto trovas rifuĝejon, konsolejon « en la ĝardeno de tiaj revoj ».

Tie kreskadas diversaj floroj :
Unuj, ĝi estas mortintaj koroj
Kun mi batintaj dum vivo pena.

Se en tiu ĝardeno estas velkintaj floroj de bedaŭro kaj malĝojo, en ĝi kreskas ankaŭ unu neĝblanka lilio :

En la angulo, plejfreŝa floro
Kreskas gracia alta lilio.
Sur ĝi neĝblanka ĉiu folio,
En la kaliko larm' de l'doloro.
Tiu lilio simbol' plejvera ;
Lasta ĝi venis ĝardenon mian,
En la animon la harmonian
Pacigon donis lili' mistera !

La poeto ankaŭ sin konsolas per la amo al vero, per la ĉionama simpatio :

Mi ĉies komprenis
Doloron kaj ĝojon,
Mi ĉiujn alprenis
Sincere. La vojon
Mi trovis por homoj per mia sentado.

Belartoj, muziko, amikeco, amo, naskiĝa lando, homa frateco, kies apostolo estas nia majstro, kies elokventa voĉo estas Esperanto nia, jen estas motivoj por vivi, por agi, por reakiri per energia agado la egalpezon de l'animo !

Unu sento la plejbela,
Amikeco ĝia nomo ;
Amikeco plejfidela
Estas belo de la homo.

Muziko sonas, sonas,
Pacigon ian donas,
Pacigon al anim'.

. . .

Mi vin adoras por via ĉarmo,
Por de la vortoj kortuŝa varmo,
Por enkaŝita interne ĉarmo,
Por de l'okuloj viaj karesoj ;
Mi vin adoras !

Ho, kiel belega
La pola vilaĝo,
Kiun mi memoras
De mia fruaĝo.
Malgranda dometo,
Kun pajla tegmento,
Apude volviĝas
Voj' kiel serpento.....

Sed le poemoj por Esperantismo donas al la tuta verko ĝian plej originalan karakteron kaj estas eble la plej perfekte verkitaj : Al majstro (p. 5.) — Al Samideanoj (p. 7.) — Al la Amikoj (p. 9.) — Novjara bondeziro (p. 91.)

Al agado, al laboro !
Kvankam ĉie malfavoro,
Kvankam homoj nin ne fidas,
Nek la celon nian vidas.
Al agado, al laboro.
Kun kuraĝo en la koro !
Malgraŭ baroj sur la vojo,
Stel' espera nin ĝojo !

. . .

El la kontinua legado de tiuj sinceraj vortoj naskiĝas impreso de naiveco, freŝeco, eleganta facileco, kiun mi neofte samgrade ĝuis legante esperantajn versaĵojn. Mi eksentis, ke Esperanto estas por tiuj ambaŭ poetoj kvazaŭ dua gepatra lingvo ; preskaŭ ĉiuj versoj fluas kun mirinda klareco kaj ofte granda forto ; la rimo sin prezentas senpene kaj la ritmo flekseble alĝustiĝas kun la sento kaj la penso. Oni eĉ povus studadi detale la verkon je tiu speciala vidpunkto.

Nun mi alvenas al la plej malagrabla parto de mia recenza laboro kaj mi petas malplezure la permeson fari kritiketon kaj doni konsilon.

Kelkaj lokoj, ĉu pro malkorekta interpunkcio, ĉu pro forigo de necesega vorto, ĉu pro nenatura konstruo, ĉu pro neĝusta senco de kelkaj vortoj, estas malklaraj. (Ekz. *rezignas* (15), *festeno* (18, 93), *balzamodor* (27), *muron* (28), *stimulo*

---

(1) Poezioj de Wiktar Elski kaj Eska. — Lodz (Polujo), Stanislas Miszewski librejo. — Prezo : 0,30 Sm.

# ESPERANTISMO

## KRONIKO

*(El niaj specialaj distriktaj korespondantoj)*

Ni tre petas niajn D. D. ke ili bonvolu kiel eble plej ofte sendi al ni tre *mallongan noton* pri la stato de Esperanto kaj U. E. A. en sia distrikto. Tiujn notojn oni devas sendi antaŭ la 15a kaj 1a de ĉiu monato, al *la Presejo de la jurnalo ESPERANTO, 15, rue Amiral-Roussin, Dijon, Francujo* (nur por la rubriko Esperantismo), por enpreso en la sekvonta numero.

Niaj korespondantoj ĉiam bonvolu citi precizajn faktojn, neniam forgesante la daton kaj la lokon de la okazintaĵoj aŭ okazontaĵoj. Informoj pri malnovaj faktoj neniam estos enpresataj (Red.)

**Nordokcidenta Italujo.**

*Genova.* — La Esperanta movado en nia distrikto ĉiam pli bone progresas. La urbestraro de Genova konsentis al la Genova Esperanto Unuiĝo la uzon de ĉambro ĉe la popola Universitato. Tial ni nune havas nian propran hejmon kie ni aranĝos fine nian oficejon kaj sekretariejon, En Genova oni jam malfermis 4 kursojn en publikaj lernejoj kaj enskribis sin pli ol 100 personoj, sed baldaŭ ni malfermos aliajn kursojn precipe por geinstruistoj kiuj multe interesas sin pri nia afero. En Sampierdarena S-ro Fake malfermis kurson kun pli ol 50 da enskribitoj.

En Cornigliano Ligurio nia Delegito faris paroladon ĉe la urba domo kaj enskribis sin pli ol 20 personoj por malfermonta kurso. « Vita Internazionale » (20 decembro 1910), grava revuo el Milano, publikas artikolon de nia Delegito pri U. E. A. A. S.

**Bavarujo.**

*Distrikta Kunveno* de la Del. de U. E. A. okazis le 15 jan. en Ingolstadt. S-ro Fleck provizora D. D. faris raporton pri la ĝisnuna agado. Li klarigis la taskon de la D. D. kaj donis informojn pri la bona stato de U. E. A. en Bavarujo. S-ro Fleck restas provizora D. D. ĝis la proksima distrikta kunveno kiu okazos en printempo. S-ro Maurer estas lia anstataŭanto. — Fr. F.

**Turkujo.**

*Esperanto devige instruata en la lernejoj.* — Pli rapide ol la grandaj eŭropaj ŝtatoj la princlando Samos komprenis la grandegan gravecon de Esperanto por la nunaj generacioj. Antaŭ ne longe la usona ŝtato Maryland permesis la enkondukon de Esperanto en la publikajn lernejojn, sed nur *nedevige*. En Samos la instruado de Esperanto fariĝas *deviga* per la jena dekreto :

Ni, Andreo Emanuelo Kopassis, princo de Samos, konforme kun la voĉdonado de la Parlamento de Samos, decidas kaj dekretas : « Nura artikolo. La tuta presado de l'organo de la Samosa Esperantista Societo estos efektivigata senpage de la oficiala presejo ; la Registaro estas rajtigata ordoni la enkondukon de la helpa internacia Esperanto en ĉiujn lernejojn de la Insulo, enskribi ĝin sur la programon kiel nedevigon lernfakon, kaj instruigi ĝin en la diritaj lernejoj de la anoj de la Samosa Esperantista Societo ».

8 Oktobro 1910.

(35), fino de la paĝo 38, fino de la unua strofo (p. 40), *per la ond'* (41), *okul'... okuloj par'* (45), tri unuaj versoj (p. 65), sub la betulo (fino, p. 67), morto-responda (83)...

Mi rimarkis kaj plezure notis ĉi tie kaj tie kelkajn el tiuj esprimplenaj vortoj, kiujn la strečado de la spirito kaj la ritmaj leĝoj tiel feliĉe alpensigas al la ĉiulandaj poetoj. Ekzemple : *helridi* (13), *ĝemflui* (14), *sonortinta* (14), *altvero* (32), *helehara* (36), *amvolo* (45), *glavpenso* (63), *blustria* (67), *pacradia* (78), estonto *senmaja* (31), verboj : *blui*, (17), *vei* (30), *vorti* (66, 81).....

Nu ! mi trovas, ke tiaj vortoj estas tro malofte renkontataj ; ili estas veraj kreaĵoj, kiuj donas al la esperanta lingvo kaj poezio grandan parton de ĝia valoro, efikeco kaj originaleco. Mi aldiras ke precipe niaj poetoj, ankoraŭ tro malmultaj (mi parolas nur pri la bonaj !), plifleksebligos, pliriĉigos nian lingvon, ne per novaj radikoj, sed per novaj kombinaĵoj. En nia lingvo estas sufiĉe da ŝtofo, sed eble mankas ankoraŭ iom da ekzercateco, facilmoveco, vigla maltimeco. Al la poetoj apartenas tiu bela tasko !

Resume mi diros, ke tiu versaĵareto, dank'al la perfekta akordiĝo de sentado, stilo kaj ritmo harmonie kunfanditaj, ekmontras novan vojon al niaj *veraj* esperantistaj poetoj. Mi ja scias, ke la inspiro blovas kien ĝi volas kaj estus ridinde montri la vojon al poetoj. Tamen se mi trarigardas la plej belajn perlojn de tiu kolekto, mi trovas ilin preskaŭ ĉiujn — ne apud la malklara fonto de l'pesimismo — sed ĉe la helpuraj travidigaj fontoj, kiuj nomiĝas amo al la belo, al la naskiĝlando, kompatemo, korboneco, pacemo kaj homara fratiĝado.

*Unuaj agordoj* ! Ĉu baldaŭ ni aŭdos la « Duajn Agordojn » ? Mi atendas senpacience tiun novan regalon por miaj oreloj, koro kaj penso.

« Poezio, ĉu vi ne estas la dunaskita fratino de Esperanto »?

VERTO

## OKAZINTAĴOJ

**Novaj grupoj kaj kluboj.** — *En Paŝkani* kaj *Jaŝi*, en Rumanujo. — E. N.

*En Frankfurt*, la Moderna Lernejo organizis klubon en kiu 50 esp. gazetoj estas legeblaj. Trapasantoj invitataj.

**Kursoj.** — *En Bukarest*, ekzistas ses kursoj, 2 publikaj, 2 por komercoficistoj, 1 por bulgaroj studentoj, 1 por liceanoj, — E. N.

*En Wien*, la 25 jan. S-ro Glück komencis kurson en la Teknika Altlernejo. — J. G.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *En Silistria* (Bulgarujo), la grupo « Stelo » organizis balon en komenco de januaro. La Prezidanto S-ro Davidoff faris paroladon pri neceseco de lingvo internacia en komercaj rilatoj. — J. D.

*En Saint-Denis* apud Parizo, la Esperantista Sporta Unio donis la 8 jan. sportan feston kiu havis grandan sukceson. — G. S.

**Paroladoj.** — *En Vesoul*, Burgonja distrikto, parolado de nia Vicprez. S-ro Rousseau pri U. E. A. — T. R.

*En Osijek* (Kroatujo), la bone konata verkisto Mavro Ŝpicer, faris paroladon en la ĉi tiea klubo de literaturistoj la 17-I-1911, kun plej granda sukceso. — J. A.

*En Lagny-sur-Marne*, apud Parizo, parolado pri Esperanto de S-ro G. Chavet. — G. C.

## OKAZONTAĴOJ

*8 Februaro.* — Parolado de leŭt. Martin D. D. en Grasse] Provenclando. — A. M.

*12 Februaro.* — En Bordighera, Nordokcidenta Italujo, esp. festo. — A. M.

*20-21 Majo.* — En Chalon-sur-Saône, kongreso de la Esp. Burgonja Federacio. Okazos fakaj kunvenoj, komerca kaj esperanta ekspozicio. — L. R.

*25-28 Majo.* — *Dua Itala Kongreso de la Esperantistoj, en Genova.* — Okaze de la dua kunveno de la Federacio

de la Italaj Esperantistoj, la Genova Esperanto Unuiĝo invitas la Italajn kaj Eksterlandajn Esperantistojn al la dua Itala Kongreso de Esperantistoj. Je la fino de Marto oni malfermos ĉe Torino kaj Roma du gravajn internaciajn Ekspoziciojn por festi la kvindekdatrevenon de la itala sendependo. Multe da eksterlanduloj vizitos Italujon en tiu ĉi jaro ; tial Genova kiu kuŝas inter la du urboj povas esperi ĉeeston de eksterlandaj esperantistoj, kiuj certe bonvolos fari sian eblon por prokrasti au antaŭfari sian viziton al Italujo por kuraĝigi per internacia kunveno la esperantan movadon en Italujo, kiu nune komencas vere labori pro nia kara lingvo.

La kongreso estos publike malfermata la 25-an de Majo. Dum la tagoj 26, 27a, matene vizito al la urbo kaj cirkauaĵoj ; postagmeze kunsidoj Esperanto ; dimanĉon 28-an, mara ekskurso kun festeno. Oni pritraktos temojn rilate al la praktika propagando kaj aplikadoj al la turismo kaj komerco. Kotizaĵo 2 Sm. Adreso de la Komitato : Via Assarotti 54-15, Genova (Italujo).

*16-18 Aŭgusto.* — Internacia esperantista kongreso en Dresdeno. Okazos ekskursoj al saksa Svisujo kaj vizitoj de la granda Ekspozicio de Higieno.

## Sepa Kongreso

Ni rememorigas, ke la Sepa okazos de la 20 ĝis 27. Aŭgusto en Antverpeno. La kotizaĵo estas *5 Sm.* Oni ankaŭ povas ricevi ekzempleron de la ludota teatraĵo *Kaatje* po 1 Sm., centon da kongresaj reklammarkoj po 40 sd, k. t. p. Oni rapidu sendi sian aliĝon al S-ro D-ro Van der Biest, Minderbœderskui 75, Antwerpen (Belgujo). En decembro jam aliĝis pli ol 250 personoj.

Por la *Kongreso de U.E.A.* (kotizaĵo 2 Sm.) oni sendu sian aliĝon al Esperantio, 10 rue de la Bourse, Genève.

## DIVERSAĴOJ

.·. *La Sepa.* La nombro de la personoj jam sendintaj sian aliĝon por la Sepa Kongreso atingas 338 je la 4a de la januaro. La urba konsilantaro aprobis monhelpon da 1.200 Sm. Ĉio kredigas, ke tio ĉi ne estos la nura favoro de la Antverpena urbestraro. La Esp. kurson por la urba policanaro sekvas nun 14 oficiroj kaj 116 policistoj.

.·. La *Laboratoire central d'électricité* de Paris paj la *Standard Bureau*, de Washington, nun korespondas en Esperanto, pri studoj kiuj koncernas la elektrajn unuojn, kiujn ili kune starigas. — G. C.

.·. La eldonisto Bernard Grasset kiu publikigis *La Sottise espérantiste*, de E. Gaubert ; kaj *Les préjugés contre l'Esperanto* de F. de Ménil, publikigas novan libron *Le français, langue internationale de l'Europe*, de Jacques Novicow, kiu enhavas plej neĝustajn kaj malpravajn kritikojn kontraŭ nia lingvo. — G. C.

.·. La departementa konsilantaro de Seine voĉdonis monhelpon da Sm. 120 por la Pariza Grupo. — (Paris-Esp.).

## TRA LA GAZETARO

.·. *Paris-Esperanto.* La monata bulteno de la Pariza grupo, aperas nun en ĵurnala formato, grandparte redaktata en franca lingvo. La nova redaktoro estas S-ro Ballinan, komerca konsulo de U. E. A.

.·. *Riga Stelo.* Tiu nova revuo estas dediĉata al propagando de Esperanto en ruslingvaj regionoj. La redaktoro estas S-ro W. Ŝmurlo. La unua No enhavas interalie artikolon pri U. E. rusc. (Jarabono : 1.50 Sm. Kun suplementoj : 2.50 Sm. Redakcio : Krebsstr-11, Riga.)

.·. *Amerika Esperantisto.* S-ro Baker rezignas la redaktadon de tiu gazeto, kiu estos prizorgata de S-ro Kellerman-Reed kaj de kunlaborantoj el la diversaj regionoj de Usono. La gazeta oficejo sidas nun en Wasington. D. C. , 816 15 th. St. N. W. La unua No, en sia nova formo, bele aspektas. Ni deziras plej bonan sukceson.

.·. La franca ĵurnalo *Excelsior*, ilustrita ĉiutaga ĵurnalo, organizas specialan konkurson de Esperanto laŭ la jena maniero. Tradukistoj estos kunvokitaj por traduki francan tekston de Abel Hermant, en anglan, germanan, italan, hispanan, rusan lingvon kaj en Esperanto. Tiuj tradukoj estos poste donitaj al aliaj tradukistoj, kiuj havos la taskon retraduki ilin en francan lingvon. Oni vidos ĉu la retraduko farita laŭ la esperanta teksto estos pli proksima de la originalo, ol la retradukoj laŭ la naciligvaj tekstoj. La rezultato estos proklamita en teatra festo, kiu okazos en la teatra salono de *Fœmina*, kaj kie oni ludos komedion en Esperanto, post parolado de S-ro Tristan Bernard. — G. C.

.·. La franca ĵurnalo *L'Eclair* publikigas opiniojn pri Esperanto, de S-roj Maurice Barrès, Paul Doumer, Marcel Prévost, Eiffel, Generalo Langlois kaj Lucien Guitry. Tiuj opinioj estis senditaj al S-ro Archdeacon, kiu submetis al tiuj personoj, sian libron : « Pourquoi je suis devenu espérantiste » (Kial mi fariĝis Esperantisto). — G. C.

.·. La tre korata revuo *Les Annales politiques et littéraires* publikigas bonan raporton kun eltiraĵoj, de la suprecitita libro de S-ro Archdeacon.

.·. La grava ĵurnalo *Il Lavoro* en Genova, kaj la monata revuo la *Meksika Turing-Klubo* publikigas en ĉiu no Esperantan rubrikon. — A. S.

.·. La gazeto *Torgoski Jar* en Silistria publikigis 4 longajn artikolojn pri Esperanto kaj komerco de S-ro Davidoff. — J. D.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

### OFICIALA INFORMILO

**Vortoj por ĉiuj.**

Ni iafoje ricevas de niaj membroj aŭ reprezentantoj plendon pri tio, ke iliaj leteroj ne estas ĉiam tujege respondataj aŭ ke al longaj leteroj oni respondas nur koncize. Kelkaj personoj ankaŭ plendis pri netuja alsendo de la Jarlibro. Al tiuj kiel al la aliaj ni ŝuldas klarigon.

Oni unue bonvolu memori, ke la laborantaro de la centra oficejo de U. E. A. konsistas nur el sep personoj. Tiu nombro eĉ estis reduktita je kvin dum januaro, pro foresto de la vicdirektoro kaj malsano de la direktoro. Tiuj ĉi personoj devas ne nur sin okupi pri respondado al leteroj (ĉirkaŭ 50 tage), sed ankaŭ pri enregistrigo de la membroj, skribado de la membrokartoj, forsendo de la Jarlibro, kontrolo de la Delegitoj kaj Konsuloj, aranĝo de servoj, financoj kaj prizorgo de tri kasoj, administrado kaj redaktado de la oficiala ĵurnalo, bultenoj, Esperantia Librejo, mendoj kaj eldonaĵoj, k. t. p., k. t. p. Tiu ĉi nekompleta cito montras, ke la nombro de la laborantaro estas ne sufiĉa, sed tiu manko estas nekuracebla ĝis oni pligrandigos la monrimedojn de U. E. A. (El la kotizaĵoj 38 Sd., ni devas depreni preskaŭ 1/2 por la Jarlibro kaj ĝia sendo). Oni do komprenos, ke tio estas la kaŭzo, kial ni, malgraŭ nia zorgo, ne povas tujege respondi la leterojn, nek ilin respondi tiel longe kiel ni dezirus. La personoj, kiuj havas ian sperton pri la aferoj, nin, se ne senkulpigos, almenaŭ facile komprenos.

Cetere multaj el niaj korespondantoj povus senteble simpligi nian laboron, se ili volus atenti la jenajn punktojn :

1e Skribi legeble, klare, kaj precize. Kelkaj leteroj estas modeloj de klareco kaj legebleco. Ĉiuj punktoj estas zorge apartigitaj kaj koncize traktataj. Aliaj, ho ve ! estas nelegeblaj, konfuzaj, longaj, malprecizaj ; ĉio estas miksita, artikolo kun abonpetoj, anoncoj kun kalkulo, k. t. p. (Ni cetere intencas ekspozi kelkajn tiajn ĉe la kongreso). Estas evidente, ke tiaj leteroj triobligas nian laboron. Ni ne postulas, ke oni skribu bele, sed klare. La anglaj kaj rusaj samideanoj speciale skribu tipografie la literegojn, kies erara klasigo kaŭzas longajn esplorojn. Treege konsilinda estas la stampitaj adresoj.

2e Sendante monon skribi sur la dorso de la poŝtmandato — en la landoj kie tio estas ebla — por kio estas difinita la mono, eĉ se letero estas samtempe sendata. Tio evitos al ni grandan laboron. Kiam ĝi ne estas ebla, oni almenaŭ klare montru en la letero por kio estas sendata la mono. Oni ne sendu poŝtmarkojn. La uzo de la Ĉefeĉ'aj ĉekoj estas tre rekomendata.

3e Bone noti, ke ni ne plu sendas ion kredite. Ofte ni ankoraŭ ricevas mendojn kun promeso ke oni pagos poste. Tiujn mendojn ni ne povas plenumi. Same por abonoj. Tiu regulo estas senescepta, pro la spertoj faritaj en la lasta jaro.

4e Ofte ni ricevas petojn por monhelpo ĉu por eldonajo ia, ĉu por propagando, ĉu eĉ por vojaĝo. « Sendube, grava asocio kiel U. E. A. povos nin helpi » skribas tiuj korespondantoj. Kompreneble, ni povas nur respondi stereotipe, ke la stato de niaj financoj tion ne permesas. Tiuj personoj povus facile tion konstati, legante la financajn konteltirojn ĉi tie aperantajn.

Rilate al la *Jarlibro*, pro eraro de la presisto, la mendita de li papero kaŭzis pro sia pezo, ke la Jarlibro devis esti afrankata je 6 Sd. Du mil ekz. estis presitaj sur tiu papero. Por la sekvantaj miloj, pro financaj kaŭzoj, ni preferis atendi, ĝis li povos ilin liveri al ni sur malpeza papero, kio daŭris unu monaton. Aliparte la senĉesa korektado de tiu eldonajo, multe pli longa ol kredas kelkaj personoj, ne permesis, ke ĝi aperu en la fino de novembro, kiel ni intencis. Cetere oni bonvolu atenti, ke la unuan jaron ni sendas la jarlibron al niaj membroj. Ni do pri tiu laboro akiros spertojn por la venonta jaro. La malklara skribado de tro multaj membrolistoj estas ankaŭ kaŭzo de prokrasto. Aliparte kelkaj membroj senpere plendas al ni, ke ili ne ricevis sian jarlibron, kaj ni konstatas, ke ilia aliĝo ne ankoraŭ estis transdonita al ni. Estas necese, ke tiuokaze ili antaŭze certiĝu, ĉu la Del. komunikis al ni la aliĝon. Niaflanke ni petas, la Del. sendi la membroliston tuj post aliĝo, ĉar ni ne povas garantii la sendon de la jarlibro en malpli ol dek tagoj post la ricevo. Sendante tuj la aliĝon, ili ebligos ke la membroj atendu malpli longe

La Direktoro.

La sekvo de la Oficiala Informilo aperos en la venonta No.

---

**Novaj Delegitoj, Vicdel. aŭ Subdel.**

Bellegarde (Francujo, Ain). — Vincent Richard, Avenue de la République.

Bolton (Anglujo, Lancashire). — Arthur R. Horsley, inĝeniero, 24, Rock Avenue.

Brive-la-Gaillarde (Francujo, Corrèze). — Laurent Antonic, profesoro ĉe la supera lernejo (Ecole Supérieure).

Castelnaudary (Francujo, Aude). — Ernest Salvage, 14, rue de Mazères.

Chateaurenard (Francujo, Vaucluse). — J. Delachet.

Elbeuf (Francujo, Seine-Inf.). — Maurice Lefèvre. 42, rue de la Barrière.

Gœppingen (Germanujo, Würtemberg). — P. Merkle, Carolinenstr. 2.

Greiz (Germanujo, Sachsen-Weimar). Willy Kœnig Brückenstr, 19-I.

Ludwigsburg (Germanujo, Würtemberg). — Ferd. Pfeil, dipl. inĝeniero, Alleenstr, 17.

Rive-de-Giers (Francujo, Loire). Inĝ. Claude Point, Combeplaine.

Rognonas (Francujo, Bouches-du-Rhône). — Paul Blanc, « A Jeanne d'Arc ».

Saint-Jean-Soleymieux (Francujo, Loire). — Gabriel Bayet, instruisto.

Sankt Ingbert (Germanujo, Rheinplatz). — Ernst August Omlor, Rischbachstr.

Siena (Italujo). — Pastro Giovanni Saccardi, Costalpino.

Sliema (Malta). — Jancredi Gouder, 2, Victoria Junction.

Vratza (Bulgarujo). — Gabrail Popov, Bela Slatina (Vicdel.).

Zürich (Svisujo). — Karl Jost, Culmannstr, 57-IV. (Vicdel.).

**Ŝanĝoj.**

Bitterfeld : La Del. loĝas nun, Wilh, Stoffregen, Eche Stein u. Ziegelstr. — Cartagena : La Del. estas nun, Cancilo Molina. Los Dolores. — Pantin : La Subdel. loĝas nun : P. Gaborry, 7, rue du Rhin. — Zamora : La Del. estas nun, Augustin Santamaria, Calle de la Rua, 57.

**Informoj.**

S roFrankWatters, U. E. A., Konsulo en Londono kaj redaktoro de la « Esperanta Instruisto » lastatempe estas elektita kiel sekretario de la Internacia Propagandejo Esperantista (I. P. E.).

---

FINANCOJ

*Konteltiro de U. E. A. de decembro*

| Elspezoj | $ | Enspezoj | $ |
|---|---|---|---|
| Lupago kaj Hejtado... | 26 72 | Kotizajoj............ | 520 60 |
| Salajroj............ | 225 » | Aprobantoj........... | 8 48 |
| Oficejo............. | 94 80 | Dumvivaj membroj.... | 20 » |
| Materialo ........... | 33 16 | Esperantiaj Entrepr.... | 28 20 |
| Presajoj ........... | 47 44 | Gvidfolioj ........... | 5 » |
| Diversaj kontoj...... | 8 72 | Malnova konto........ | 16 89 |
| | | Anoncoj............ | 23 50 |
| | 435 84 | Donacoj ........... | 4 92 |
| *Saldo*...... | 241 30 | Aviado ........... | 17 20 |
| | | Venditajoj ......... | 15 35 |
| | 677 14 | Storno............ | 20 » |
| | | | 677 14 |

# Esperantia Ŝildo

El la projektoj ricevitaj (26) ni faros du partojn : 1e Tiuj kiuj surhavas tekston aŭ bildon de la terglobo aŭ similas naciajn ŝildojn. Tiujn projektojn ni malakceptas, ĉar ili estas tro malsimplaj, malfacile preseblaj, malfacile legeblaj, aŭ ĉar ili donas pri nia Asocio, ĉu mistikan, ĉu filozofian, entute falsan ideon.

2e La projektoj pli simplaj, kiuj similas la ŝildojn de societoj aŭ asocioj similaj je U. E. A. kiel la diversnaciaj Turing-Kluboj, la Asocio por helpo al junulinoj, k. c. kaj sekve ŝajnas al ni principe alprenindaj. La plej bona el ili

estas la projekto de F-ino Bartholomew. La desegnajo estas vere artoplena, simpla ; plie ĝi havas formon kaj aspekton ne komunan kaj certe altiros la atenton.

Aliaj projektoj estas ankaŭ valoraj, ĉu pri la ideo, ĉu precipe pro la zorgo, kun kiuj ili estas faritaj. La ekzamenintaro do disdonis la jenajn premiojn :

1a *Premio*. — Projekto 1. F-ino F.-M. Bartholomew, Del. Letchworth ;

2a *Premio*. — Projekto 16. S-ro Santos Ortiz de Arri, St-Gueraria, 10 ;

3a *Premio*. — Projekto 22. S-ro Ed. Bouvier, Genève ;

4a *Premio*. — S-ro Kuznecov, Vilna.

*Mencioj*. — S-roj G. Stroele (Del. Neuchâtel). — L. Scarselli (Del. Firenze). — E. Scheurer (Del. Lyss).

Ni tutkore dankas ĉiujn partoprenintojn en nia konkurso.

# Esperantia Parolejo

### Al bohem-moraviaj delegitoj de U. E. A.

Post la plej bona sukceso de la Ia kunveno de Moraviaj Esperantistoj en banloko Luhaĉovice, mi proponas, ke ĉiuj delegitoj de U. E. A. kiuj jam ekzistas aŭ ekzistos, kunvenu en tiu ĉi ĉarma slava banurbo dum la sezono 1911. Tiu kunveno estus *labora* kaj *propaganda* ; laŭ ebleco oni povas aranĝi la kongreson de bohem-moraviaj esperantianoj kun Esperanto-tago kaj esperanta ekspozicio k. a. Preparajn laborojn elfarus Bohema Societo Esperantista en Luhaĉovice. Do, bonvolu sendi al mi letere vian konsenton. Ĉiujn demandojn respondas (1 respondkuponon aŭ 25 heler. markon aldonu) !

Yoĵa Mareŝ,
*Delegito de U. E. A.*
Banloko Luhaĉovice (Moravio).

### Por kio utilas U. E. A.

Ni kaj samgrupano el Eastbourne volas esprimi al la estraro de la U. E. A. niajn korajn dankojn por la granda utilo kiun faris al ni F-ino Fournier Del. en Rouen, dum nia libertempo en Francujo la lastan Septembron. En la domo (Esp. pensiono) de ŝiaj gepatroj ni pasigis feliĉan semajnon, kaj ni kore rekomendas ĝin al ĉiu Esperantiano. F-ino Fournier bonvenigis nin en la stacidomo kiam ni alvenis, konatigis nin al Esperantistoj en sia urbo, kaj ni certe pasigos pluan libertempon ĉe ŝi kiam ni povos iri denove al Rouen. Ankaŭ ni volas esprimi niajn korajn dankojn pri la helpo kaj servoj kiujn S-ro Souchay (nova laborkonsulo en Parizo) sindone faris al ni dum ni restis unu semajnon en Parizo. F-ino Fournier kaj S-ro Souchay estas ĉiam entuziasmegaj pri Esperanto, kaj pri la servoj de U. E. A.

Joham P. Nix, Edgar L. West (Esp-ianoj en Eastbourne)

# Internacia Instituto de Esperanto

### Someraj Kursoj en Antverpeno.

La Direkcio de l'Instituto (*19, Pont d'Arve, Genève, Svislando*) ricevis proponon organizi en Antverpeno, la semajnon antaŭ la Kongreso, septagan kursaron de lecionoj kaj paroladoj en Esperanto. Krom instruado kaj ekzercoj pri supera sintakso, stilo, historio kaj literaturo de Esperanto, povus esti ankaŭ kursoj pri generala lingvoscienco kaj paroladoj pri la flandra arto. Tamen la plej granda parto de l'instruado celos prepari kandidatojn de l'Instituto. Se la Instituto invitos diverslandajn eminentajn instruantojn, la kosto de l'karto por la tuta kursaro estos kredeble Sm. 10. Loĝado en Antverpeno dum unu semajno kostos ĉirkaŭe Sm. 20.

La Direkcio de l'Instituto insiste petas ke la personoj, kiuj favoras tiun proponon kaj eble intencus partopreni tiun kursan semajnon, se ĝi okazos, tuj sendu al la Instituto sian adreson kaj siajn diversajn deziresprimojn.

### Administrado de l'Instituto.

S-o Edmond Privat, prezidanto de l'Instituto estante plej grandan parton de l'tempo for de Ĝenevo, petas ke oni ne skribu al li persone pri la aferoj de l'Instituto sed simple al la oficejo (*19, Pont-d'Arve, Genève*).

La sekretario aŭ la ali aj komitatanoj havas taskon respondi ĉiujn demandojn.

### Donaco.

S-o D-ro Ludwik Chybczynski en Varsovio donacis al la Instituto sumon da Sm. 10 pro ĝia laborado de edukado pri esperantismo. La Instituto tutkore lin dankas.

Similaj donacoj tre helpas la edukan klopodadon de l'Instituto, ĉar la ekzamenaj pagoj apenaŭ sufiĉas por pagi la materialajn elspezojn de l'ekzamena fako.

### Internacia Esperanto Teknika Asocio.

Akceptante l'inviton de S-ro Inĝ-ro Ettinger el Rusujo, kiu unue alvokis la teknikistan. Samideanaron fondi internacian Asocion, mi prenis sur min la taskon provizore organizi la I. E. T. A. aŭ T. E. T. A. Tial mi petas Inĝenierojn, ĥemiistojn kaj ĉiujn teknikistojn kiuj intencas aliĝi skribi al mi. Same mi petas la samideanojn ke ili bonvolu diskonigi tiun alvokon. Jam mi ricevis aliĝilojn de naŭ landoj. Por la unua jaro ni prenos kiel oficialan gazeton la Internacia Scienca Revuo, kiu ĉiam pli dediĉos paĝojn al nia Asocio, kiom pli da membroj havos nia Asocio. La regularo de la T. E. K. A. povas tute bone taŭgi por nia celo. La kotizaĵo povas esti 4 Sm kun l'abono al la Scienca Revuo. Nune ni povas komenci l'elekton de Naciaj sekretarioj, kaj mi petas kiu tion deziras bonvolu skribi al mi. Fine mi invitas la teknikistoj, kiuj certe multenombre vizitos Italujon en tiu ĉi jaro okaze de la du gravaj internaciaj ekspozicioj en Roma kaj Torino, bonvolu ĉeesti specialan kunvenun en Genova dum la tagoj de la dua itala Kongreso de la esperantistoj (25-28a Majo 1911). Adreso : D-ro Alfredo Stromboli Industria Ĥemiisto Via Assaroti 54-15 Genova (Italujo).

*Kiu deziras ricevi senpage la Oficialan Jarlibron de U. E. A, (130 paĝoj), tiu rapidu pagi sian kotizaĵon por 1911.*

mana Esp. Librejo, Sternwartenstr., 40, *Leipzig* ; Esperanto-Librejo, Tverskaja 28, *Moskvo*.

## KORESPONDADO

Ni atentigas la personojn, enskribitajn sub tiu rubriko, ke ili devas konsideri kiel *devon* kaj *honoron* respondi almenaŭ *unufoje* al ĉiuj personoj, kiuj skribos al ili laŭ tiuj anoncoj. Ĉiuj korespondantoj skribu sian adreson plej legeble (en nacia lingvo), se eble per stampo.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b.fl. = *bildflanko*.

Laval (Francujo, Mayenne). — S-ro Alexis Martinol, Instruisto, 35, rue des Fossés, kun Alilanduloj, PI. (marko bildflanke).

Amiens (Francujo, Somme). — S-ro Karlo Seigneur, 109, rue Saint-Jacques, kun alilanduloj.

Melun (Francujo, Seine-et-Marne). — S-ro Mousse, soldato 1re Comp., 31e rég. d'Inf., L. PI. kun ĉiuj alilandanoj (PM. blfl.).

Tarrasa (Hispanujo). — S-ro J. Figueras, st. Nueva, 30, L. PI.

Chateaurenard (Francujo, Provence). — S-ro Pierre Gros, place Victoire, PI. L.

Gommersheim bei Speyer a-Rhein (Germanujo). — S-ro Jakob Dreyfus, Postlagernd, kun ĉiulandanoj, PI. L.

Sabadell (Hispanujo). — S-ro Joakino Santandreu, str. Fuente Nueva, 14.

Bruxelles (Belgujo). — S-ro R. Dubosc, 154, rue Royale kaj S-ro P. Kersten, 112, avenue de Jette, PM. PI.

Barcelona (Hispanujo). — S-ro Josefo Valero, str. S. Gil 7-4o 1a, L. PI.

Hyères (Francujo). — S-ro Georĝo Nallet, 13, cours Burlière, PI. (PM. bfl.).

Chalette (France, Loiret). — S-ro Th. Desbrosses, profesoro, PM. nur kun Turkoj, Grekoj, Rumanoj, Serboj, Bulgaroj, Montenegroj, Norvegoj, Luxembourganoj, Angloj, Austroj (jubileajn 1910), Amerikanoj kaj Afrikanoj.

Arnstadt (Germanujo, Thür). — S-ro E. Wengler, Gehrenerstr., 9, PI. (PM. bfl.), nur kun ne-eŭropanoj, se agrable, sendas proprajn fotografaĵojn.

Abbeville (Francujo, Somme). — S-ro Leblond, rue l'Eauette, 13, PI. kun fremduloj

Memmingen (Germanujo, Bavarujo). — S-ro Gustav Regnet, Kaiserpromenade, 11, PI. ĉiam resp.

Gerona (Hispanujo, Cataluna). — F-ino Carmen Maymi, str. Santa Clara, No 7, PI.

Koeln a-Rh (Germanujo). — S-ro Otakar Buchelt, Sternengasse, 67, PI.

Troyes (Francujo). — S-no Hiltbrunner, Cité Robert, 12, PI. L., precipe kun Japanoj kaj Ĥinoj.

*Al miaj gekorespondantoj*. — Kun granda danko mi ricevis la leterojn kaj poŝtkartojn kiujn oni sendis (aŭ eble sendos ankaŭ) al mi el ĉiuj flankoj de l'mondo. Mi tre volonte respondos al ĉiuj, sed eble iom malfrue, ĉar mi ricevas multe, kaj mi ne povas respondi ĉiujn unufoje. Kun koraj salutoj al ĉiuj, A. Der Koohannissjanc Tabriz, 29 Dec. 1910 (Persujo).

Versailles (Francujo). — S-ro L. Chilard, 4, rue Bertin, oficejo U. E. A., PI. PM. esp. ĵurn. kaj ĉiujn dokum. pri Esp.

Otello Nanni avertas siajn korespondantojn, ke li de nun ne plu loĝas en Sebeniko, sed en Bologna, Italujo, ĉe « Scuola d'Applicazione p. Ingegneri ».

Warnsdorf (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Karl Fischer, Kreditanstalt, PI. PM. L.

Novoĉerkask (Rusujo). — S-ro Dim. Miĥ, Stepanov, Selskoĥzjajstvennoe uĉ., uĉen IV. kl.

Argenteuil (Francujo). — S-ro Lucien Morel, 32, rue Duguay, dez. koresp. kun ĉiaj landoj (Prec. kun Ĥinujo, Japanujo) resp. per PI. el Parizo.

Beaune (Francujo, Côte-d'Or). — S-ro Gabriel Brosselin, 2, rue Richard, KI.

Gross-Schœnau (Germanujo). — S-ro Karl Christoph nur kun Turkoj, Grekoj, Rumanoj, Serboj, Bulgaroj, Montenegroj, Portugaloj, Italoj, Norvegoj, kaj kun samideanoj en Azio, Afriko, Ameriko.

Vilno (Rusujo). — F-ino H. Jebrovska, str. Zavalna, 11, ĉe Z. Nagrodzki PI. L.

Reichelsheim i-Odw (Germanujo). — Pension Gœttmann Sro Osk. Amm, PM. PI. L.

Cholet (Francujo). — La geanoj de la Esp.-Grupo L. PI. skribi al prez. S-ro G. Tétaud, rue Bons-Enfants.

Moskvo (Rusujo). — S-ro S. Kovner, Vodootvodnaja ul., Malij Tolmaĉevskij per. d No 8, kv. No 1, PI. L.

Rakvonik (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jaromir Zeis, oficisto, PI. — S-ro Alois Koĉi, PI.

Moskvo (Rusujo). — S-ro S.-I. Makarow, Bojedomskij pereul., 20, PI.

Odense (Danujo). — S-ro Knud Bierfreund, Kancellivej, 8, Bolbro. — S-ro Becker Petersen, Oluf Bagersgade, 52, PI. — S-ro Hans Peter Hansen, V. Stationsvej, 56, PI. L. kun neeŭropanoj. — S-ro Otto Andersen, Oluf Bagersgade, 52, PI.

Cairo (Egipto). — S-ro D-ro H. Ŝipek petas pardonon, ke li ne respondis al multaj personoj, kiuj skribis al li. Li ricevis pli ol 1.000 korespondaĵojn el ĉiuj landoj ; li respondos laŭeble.

Lodz (Rusujo, Polujo). — S-ro K. Orzechovski, str. Piotrkovska N-o 242, PI.

Dresden (Germanujo). — S-ro M. Taeschuer, Eisenacherstr. 5, L. PI. kun eksterlanduloj prefere angloj, li kolektas, PM.

Cordoba (Respubliko Argentina). — S-ro Martin Foledo, str. Lima 234. PI. L. kun ĉiuj samideanoj. Li serĉas ankaŭ poŝtmark kolektistojn en sia lando, sed li mem ne kolektas.

Basel (Svisujo). — S-ro Jules Pidoux, Müllheimerstr. 37. PM. Kun alilanduloj ; ĉiam respondas.

Kladno (Bohemujo). — S-ro Adolf Kobl L. PK. PI. (marko bildflanke).

Bruselo (Belgujo). — S-ro V. Lamberts, poste restante (bel. lokaj PI. PM. bildfl.)

Boulogne-sur-Mer. — S-ro Victor Haigneré, internaciaj transportoj, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, PI.

Olomouc (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Vojtěch Němec, Ztracen à, 38, PI. PM. sur la bildfl.

's Hertogenbosch (Nederlando). — S-ro Z. Pastoor, redaktoro, Postbox, 5. L. pri interesaj okazintaĵoj ; ĉiam respondos per. PI.

Wischaŭ (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Gottfried Neŭbauer, sukerfabrikoficisto, dez. koresp. kun ĉiuland. gesam. prefere ekstereŭrop. per PI., L., kaj interŝ. PM. kaj fotografaĵojn.

Budapest (Hungarujo). — S-ro Adalberto Szekfy V. ker. Csaklya, u, 4, L/18, volas korespondadi kun alilandaj samideanoj. Skribu ĉiu kiu legas tiun ĉi anoncon kaj kiu volas havi belegajn vidaĵkartojn. Ju pli vi rapide skribos despli rapide vi estos ricevinta la respondon.

Ĉerveny Kostelec (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro J.-B. Oldrich Adamek, teksista industriisto, PI., PM., bfl.

Berlin (Germanujo). — S-ro Karl Behrle, Stralauer Allee, 20, deziras korespondadi kun Japano kapabla traduki en la japanan lingvon, francan prospekton de « Universala Homara Unio ». Korespondas esperante, france, angle, germane, itale kaj hispane.

Paris (Francujo). — G. Charles, 10, rue Thouin (Ve). PI.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

EKSPOZICIO. — S-ro Schmalzl, Del. U. E. A. Augsburg, Bernauerstr. (Bavarujo), kolektas esp. gazetojn por ekspozicio. Ĉiu sendonto interŝ. ricev. N-on de Germ. Esp. gaz.

ESPERANTISTA POETINO verkas ĉiajn festkantojn. Bonaj referencoj, malaltaj prezoj. Mendante oni aldonu notfolion de la dezirata melodio. Julie Wolfson, Breslau (Germanujo), Aŭgustastr., 36.

ATENTU ! « Bulg. Esperanto-Biblioteko » kontraŭ 2 respondkuponoj : Sm.*0,200 sendas la lastajn numerojn senpage. Redaktoro : Iv. H. Krestanof, progimnazia instruisto en Peŝtera, Bulgarujo.

SILISTRA-BULGARUJO. — S-ro Janko Davidoff, fabrikanto de feraj kaj ferladaj artikoloj serĉas bonan specialiston de tiaspeca industrio kiel direktoron aŭ gvidiston de sia fabriko. Bona salajro. Skribu al la supreciitita adreso.

DUM AŬGUSTO 1911. — S-ro Muffang, Angers, France, deziras sendi sian filon 14 jaran, en germanlingvan familion, interŝanĝe kun samjara knabo.

MIGRANTA KARTO vojaĝas tra la mondo kaj revenas al vi. Bonega Propagandilo. Mirinda Kuriozajo. Mendu nun ! ! ! 10 por 40 Sd. (1 franc) ; 50 por 1 Sm. (2 1/2 francs). LA ESPERANTO-FRATOJ, 3.449 Wilson Ave., Avendale, Cincinnati, O., Usono.

HUNGARA JUNULO volus labori en ĝardenbienoj por akiri la praktikon necesan en faklernejo. Li flue parolas hungare, slovake kaj esperante. Adreso : J. Valentini, Vagybecskerek, Merci u, 5, Hungarujo.

INĜENIERO 36 JARA, tre energia, lerta teknikisto, kondukis dum 18 jaroj ĉiuspecajn laborojn kaj marmorajn laborejojn proponas sian kunlaboradon al serioza firmo. — Adresu : boulevard Joseph V. 23, Charleroi, Belgujo.

RIPREZENTADO. — F. Peake Sexton A. R. C.S., A. M. I. E. E. deziras riprezenti en Anglujo, fremdajn elektrajn aŭ inĝenierajn firmojn. Li zorgas pri teĥnikaj patentoj. Clarence Chambers, London Rd., Kingston-on-Thames. Anglujo.

POR JUNULOJ. — F. L. G. Maréchal, B.-A. Direktoro (Lingva fako), Northern institute, internacia komerca lernejo, prezidanto de Internacia Asocio de Instruistoj, 384, Kingston Terrace, Leeds, Anglujo, akceptas fremdajn junulojn kiuj deziras ellerni la Angl. Lingvon kaj komercajn metodojn. Banejo ; bilardĉambro, fumĉambro, k. t. p. Jare 500 Sm.

LABORO. — S-ro Souchay, 134, boulevard Exelmans, Pariza Laborkonsulo petas ĉiujn parizajn kaj francajn Esperantianojn sendi al li sian adreson kaj metion, por ke li povu respondi al la demandoj de metiaj korespondantoj.

EKSPEDA FIRMO. — Krook Persson, en Lübeck. Ekspedoj la nordo. Eksport- kaj import-komisioj. Adreso : G. Klefe, Untetrave, 8, Lübeck (Germanujo).

ĈU VI AMAS belajn kantojn ? Se jes, ensendu tuj 20 Sd. (duona prezo) poŝtmandate aŭ du respondkuponojn al Emil Finn, Upsala (Sved.) kaj vi ricevos la libron *Sveda Kantaro*, enhavantan 30 svedajn kantojn, esp. trad. kun melodioj.

ŜPARMONO 4 %. — Eldonejo « Esperanto », Leipzig, Augustenstr. 17 p. r., Germanujo.

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastia (Hispanujo).

RIPREZENTADO. — D. Mazzini Vipote Genova, Italujo, serĉas riprezentadon por Italujo de fremdaj firmoj por la vendado de kafo, feloj, produktoj por tanistoj, ĥemioj, oleoj, sebo ktp. Oni korespondas esperante.



## KOMERCAJ REKLAMOJ

**Salvator Apoteko J. C. Dienes en Osijek. — Kroatio** mondfame kaj senĉese ekzistas jam de 18ª jarcento.

La kapabla nuna posedanto — spertulo de sia fako enkondukis en sian apotekon tute modernan movilaron. Ĉi tie oni prizorgas ĝustafake kaj plej rigore ĉiujn ĥemiajn kaj mikroskopajn analizojn medicinajn. Ĉiuj receptoj pretiĝas konscience. Al aferoj de la farmacia laborejo oni aplikas apartan atenton.

Tute apartan famon akiris la Osijeka Salvator. Apoteko al si per ĝiaj bonegaj preparajoj kosmetikaj. Precipe ĝiaj *tualetartikoloj por la vizaĝ-kaj haŭtflegado* estas distingaj, idealaj preparajoj. La famekonata *entuĝ-pomado* kaj *Lavokvo. Salvator-Sapo* kaj *Miranda-Kremo, Ideal-Kremo, Milie-Pomado, Ĥinapomado, Lyona Rizfaruno ktp. ktp.* estas la plej perfektaj specialajoj kosmetikaj.

Kosmetikaj specialajoj de l'Osijeka Salvator Apoteko forsendiĝas jam 58 jarojn en ĉiujn landojn kaj pli ol 500.000 dokumentoj, da efektivigitaj mendoj, konserviĝas disponeblaj al ĉies enrigardo.

Pri ĉio ĉi tio certigas ne nur *Osijeka Delegito U. E. A.* sed ankaŭ *Esperanto* mem.

Esperantianoj tutmondaj ! Uzu ni kaj disvastigu ni ĉiuj tutmonde laŭ la ĉi-tiea certigado kaj devigitaj per esperantiana solidareco la mondfaman Osijekan Salvator-Apotekon J. C. Dienes ! Ĉi tiu Apoteko estas ankaŭ Esperantia Entrepreno kaj la estro estas fervora Esperantiano.

Drag. Mirko Kaniĉar (Del. U. E. A.)

## S.-PETERBURGO

Plenaj kolektoj vidaĵoj de Sankt.-Peterburgo, ordinaraj kaj koloraj po $ 2-2.50 kaj 3. Albumoj panoramaj tre riĉaj $ 5. — 10 kaj 15. Sin turnu al S-ro J.-N. TASOVSKIJ (Russie), S.-Peterburgo, Vasiljevskij Ostrov, 16 linija d. N· 23 kv. 3· Poŝtmarkojn ne akceptas.

## SAMIDEANOJ, ATENTU !



**Novajn insignojn fabrikas la firmo**

## H.-E.-D. AUDOIN

*81, Rue de Beaubourg, PARIZO*

**Dika stelo,** *verda emajlo* kun ora rando ; uzebla kiel broĉo, kravatpinglo, ĉenpendajo aŭ por butontruo.

**Prezo** : 0.24 Sm. ; po 10 : 2 Sm. ; po 50 : 8 Sm. ; po 100 : 14 Sm.

*El arĝento* : 0.60 Sm. ; *orita arĝento* : 0.90 Sm. ; *el oro* (18 karatoj) : 4.80 Sm.

**Ĉenpendajoj** « Esperanto », ambaŭflankaj ; arte kaj zorge farita laboro.

**Prezo** : 0.48 Sm. ; po 10 : 4 Sm.; *El arĝento* : 1 Sm.; *orita arĝento* : 1.80 Sm. ; *el oro* : 7.20.

Sendo afrankita ; pago per mandatoj aŭ poŝtmarkoj.

### RABATO POGRANDE

**Ĉapelpingloj** por S-inoj ; prezo : 0.30 Sm.; po 10 : 2.40 Sm. ; *el oro* : 7.20 Sm.

**Insignoj** por ĉiaj societoj ; sporto, gimnastiko, festoj, muzikistaroj, medaloj, metalmarkoj, skulptaĵetoj, diplomoj.

**Flagoj** por konkursoj, **Mortotukoj**.

Rabato al Esperantistoj. Ilustrita katalogo senpage ricevebla laŭ mendo.

## MARŜO DE LA ESPERANTIANOJ

Marŝu antaŭen, Esperantianoj,
Avangardo de la batalantoj
Por la paco, pioniroj fervoraj,
Vi, dissemantoj de vivo kaj am'!...
El ĉiuj landoj, de ĉiuj rasoj,
De ĉiuj partoj kaj religioj
Liviĝu unu voko, leviĝu unu kanto,
Parolu unu lingvon, parolu Esperant'!

L. SCARSELLI.

N. B. — Por akiri muzikaĵon de tiu poemo, sin turni ĉe n. E. O. aŭ ĉe l'aŭtoro en Firenze. via del ·'Agnolo 48.
Prezo : Sm. 0.50 (Fr. 1.25).



## AL LA KOLEKTISTOJ

Post kelkaj jaroj, *grandan valoron* havos la plena kolekto de la gazeto

**ESPERANTO**

Do, rapidu mendi ĉi tiun plenan kolekton dum ĝi estas ankoraŭ havebla po malkara prezo.

*La tuta Kolekto* (75 nº j), afrankite 4 Sm.

Sin turni al la Administrejo (10, rue de la Bourse, Genève).

*Malnovaj n-oj antaŭ 1 Decembro 1908 ne estas izole aĉeteblaj.*

## Okazo ne preterlasinda !

U. E. A. vendas

**Malnovajn ESPERANTIAJN MARKOJN**

(verdaj kun la portreto de D-ro Zamenhof, sur forta papero)

**po 1 Sm. por 250 ekzempleroj**

*(anstataŭ 100), afrankite*

Rekomendinda propagandilo por niaj Delegitoj kaj membroj



*La Administranto (Gérant) :* MICHAUD

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).

